## Ĉefredaktoroj:

***Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay***

## Redaktoroj:

***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), M. Beraru (Bucuresti), J. Berger (Köln), M. Blassberg (Krakow), T. Cart (Paris), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), R. Eichenbaums (Jelgava), Miloš Lukáš (Trnava), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Parvus Piscis (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Petro Firu (Bucurest), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), H. Seppik (Tallinn), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), Leono Zamenhof, Felikso Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa), Zahari Zahariev (Sofia).*

**Redakcio kaj administracio: Kolomano Kalocsay, Budapest, VIII. Szentkirályi-u. 3. I**

**Responda redaktoro: *Karlo Bodó***


**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## Niaj reprezentantoj

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**Aŭstralio:** L. E. Thomson, *Pymble N. S. W.* Tallangetta, Church str.
**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Horndstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58. Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*, Marckesteenweg 18, poŝtkonto no 196906.
**Britujo:** Brita Esperanto Asocio, *London*, W. C. 1. 142 High Holborn.
**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 49.
**Ĉeĥoslovakio:** *Hradec-Kralové.* Otto Sklenĉka.
**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21.
**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.
**Francujo:** Salo Grenkamp Kornfeld, *Paris*, 14 e, 117. Bd Jourdan poŝtkonto nro Paris C. 1052—01.
**Germanujo:** Ludoviko Speth, *München*, St. Martinsplatz 3. III. b/Gietl poŝtkonto München 21142.
**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 99. 1—4a.
**Italujo:** A. Paolet, *St. Vito al Tagliamento.*
**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11.
**Latvio:** A. Libers, *Riga*, Muitas Artelis, Bremiešu ielā 11.
**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.
**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99 Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro w. P. K. O. 68273.
**Portugalujo:** Saldanha Carreira, *Lisboa*, Av. Duque de Loulé 50—3
**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15
**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578
**Svisujo** kaj UEA-anoj: Universala Esperanto Asocio, Genève, 1 Tour d l'Ile poŝtkonto nro 2310.
**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Uŝigomeku, Sin' Ogaŭamaĉi III. Instituto por Komuna Lingvo Tutmonda Tokio, 993 Koenji.
**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel

## Abonprezo de L. M.

| | | Tuta jaro | Duonjaro | Kvaronjaro | Opa nro |
|---|---|---|---|---|---|
| por aŭstroj | ŝilingo | 12.50 | 6.90 | 3.75 | 1.25 |
| « belgoj | franko | 62.50 | 35.— | 19.— | 6.30 |
| « britoj | ŝilingo | 0/7/5 | 0/4/0 | 0/2/2 | 0/0/9 |
| « bulgaroj | levo | 200.— | 110.— | 60.— | 20.— |
| « ĉehoj | krono | 60.— | 33.— | 18.— | 6.— |
| « danoj | kronoj | 6.70 | 3.70 | 2.— | 0.67 |
| « estonoj | krono | 6.70 | 3.70 | 2.— | 0.67 |
| « francoj | franko | 45.— | 24.— | 13.— | 4.40 |
| « germanoj | marko | 7.50 | 4.— | 2.20 | 0.75 |
| « hispanoj | | pagu laŭ franca tarifo | | | |
| « latvoj | lato | 9.— | 5.— | 2.70 | 0.90 |
| « italoj | liroj | 35.— | 19.— | 10.50 | 3.50 |
| « jugoslavoj | dinaro | 100.— | 55.— | 30.— | 10.— |
| « holandoj | guldeno | 4.40 | 2.40 | 1.30 | 0.45 |
| « poloj | zloto | 15.— | 8.50 | 4.50 | 1.50 |
| « rumanoj | leo | 210.— | 110.— | 60.— | 21.— |
| « svedoj | krono | 6.70 | 3.70 | 2.— | 0.70 |
| « svisoj | franko | 9.— | 5.— | 2.70 | 0.90 |
| « usonanoj | dolaro | 2.— | 1.— | 0.60 | 0.20 |
| « japanoj | jeno | 3.80 | 2.10 | 1.25 | 0.40 |
| « hungaroj | pengoj | 10.— | 5.50 | 3.— | 1.— |

Aliaj pagu laŭ la hungara tarifo.

**Valutojn, kiujn ni ne menciis en la supra tabelo, ni povas akcepti nur 10% sub la taga kurzo.**

# PRI LA METAFORA UZO DE LA NOMOJ DE KORPOPARTOJ

W. E. COLLINSON



Jam en la unuaj monatoj de l' vivo, la infano sin okupas pri sia korpo. Dorse kuŝante en komforta teniĝo, post satiga manĝo aŭ refreŝiga bano, ĝi emas ludi per la piedoj kaj manoj, streĉas kaj fleksas la muskolojn, ĉirkaŭpalpas la buŝon per la lango, triligas la lipojn kaj la uvulon kaj sonigas la parol-organojn. Iom post iom ĝi akiras provizon da spertoj kaj memorbildoj, tutan sistemon da pretaj nocioj, sendube taŭgan bazon de komparo por la enordigo de objektoj el la ekstera mondo. La korpopartoj prezentas diversajn aspektojn al la atento. Ĉiu parto koniĝas kiel havanta karakterizan formon kaj certan manieron de kuniĝo kun la cetera korpo, kaj ni pensas pri la membroj kiel pri figuroj en specifaj lokaj rilatoj kun la trunko. Foje interesas nin la konturo, foje la lokiĝo. Supre la kapo, malsupre la piedoj, ambaŭflanke de la centra akso la brakoj kun la manoj — jen bona skemo por ebligi al ni determini direktojn, kaj nin orienti. Paŝi de tiaj nocioj spacaj al la tempaj, estas facile por la penso, kiu emas transporti spacajn esprimojn en la temposferon. Tamen, la membroj povas servi ne nur kiel spac- kaj temp-orientiloj, sed ankaŭ kiel mezuriloj. La membroj de plenkreskuloj, apartenantaj al sama raso, havas certajn, ne tro variajn grandojn kaj proporciojn, do povas esti uzataj kiel bazo de mezurado. Krome, ili estas »organoj«, t. e. ili konsistas el elementoj kunigitaj por plenumi specialajn funkciojn, kaj pro tio ni emas rigardi ilin kiel ilojn aŭ instrumentojn kaj rimarki similecon al objektoj de ni faritaj, kiuj plenumas analogan funkcion, ekz. la mano estas tenilo, la dentoj mordiloj aŭ ŝiriloj, ktp. La lingva influo estas ĉi tie reciproka. La vorto *dent-* ekz. ŝajnas esti participo **edent-* de la radiko **ed-* (manĝi) ; siavice ĝi aplikiĝas por certaj elstaraĵoj ĉe la rando de rado. Ni uzas la membrojn ankaŭ por »gesti«, por fari signojn : ni kuntiras la brovojn, palpebrumas, levas la ŝultrojn, elpuŝas la langon, genuas ktp. Tiaj agoj interpretiĝas kiel esprimiloj de mensaj statoj kaj la vortoj sufiĉas por igi nin pensi pri la stato anstataŭ pri la gesto mem. Plue, korpa ago, ne kiel signo, sed kiel elemento de konduto kun difinita celo, ekz. subteno per la manoj por helpi iun resti stare, povas mem akiri la sencon de la tuta celita agado, do *subteni* povas egalvalori al *helpi*. La diversaj korpopartoj estas ofte rigardataj kiel lokoj de diversaj moralaj kaj intelektaj kapabloj. Ni diras, ke inteligentulo havas bonan *kapon* aŭ *cerbon*, nia amiko havas bonan *koron*, frandemulo tro amas sian *stomakon*, entrepreno estas en malbonaj *manoj*, kaj devas esti restarigita sur ĝiajn *piedojn* ktp. Fine, ni ofte uzas la nomojn de korpopartoj por la partoj de vestoj kiuj kovras ilin, precipe se la vestoj adaptiĝas malvaste al la korpo.

Post ĉi tiu teoria kaj neniom elĉerpa kunvido ni donu kelkajn ekzemplojn el Esperanto kaj aliaj lingvoj. La *kapo* estas por ni io supra ; laŭ ĝia pozicio kaj proporcia grando nomiĝas *kapo* ekz. la supro de papavo aŭ pinglo. Forma simileco — konturo kun verto, frunto, nazo — igas nin uzi *kabo* (angl. *cape*, franc. *cap* ktp.) por terpinto, promontoro, komp. : Flamborough *Head*. Sole la pozicio supra praviĝas la uzon de la angla *head* por la ŝaŭmo supre sur la biero (germ. Blume 'floro') kaj ankaŭ por la akvo konservata en alta loko por movi muelradon. Eĉ en Esperanto oni vidas : kape de la paĝo. De la fakto, ke pozicio supra estas taŭga pozicio por reganto aŭ estro, devenas la uzo de ĉefo (fr. chef, orig. kapo) kaj angla *head*, ekz. de entrepreno. La *haroj* (crines) donis al la Romanoj esprimon por la postfluanta trenaĵo aŭ vosto de kometo kaj por la fibraro videbla en ligno. La supran parton de la vizaĝo — la *frunton* — ni diferencigas Esperante de la *fronto*, parto de senviva objekto. La hara arko super ĉiu okulo estas la *brovo* ; la angla vorto *brow* uziĝas por la elstara eĝo de klifo aŭ monto kaj por la rando ĉe la supro de monta vojo — eble *verto* estus pli taŭga esprimo por la lasta ideo. Al la Romanoj *orelo* (auris) estis la terbreto de plugilo, sed al la Finnoj la vorto *korva* estas la anso de vazo (poto, kruĉo). La Finno povas traduki *ĉe la fino de la ponto* per *ĉe la orelo de la ponto*, kaj por *proksimume je la deka* li povas eĉ diri *ĉe la oreloj de la deka*. La *okulo* estas por ni ne nur vidorgano, sed ankaŭ truo, aperturo : pro tio oni trovas *okulo* de kudrilo (a. eye, finne silma). La finna vorto signifas krome la maŝon en reto. La *nazo* estas elstara parto, ekz. de ŝipo aŭ de kruĉo (la verŝilo). Geografie ĝi povas signifi malpli promontorecan kabon, kontraŭ ke plata terpinto estas *lango*. El la buŝo eliras la spiro kaj en la buŝon eniras la manĝo. Analoge la akvo de rivero eliras de la rivero tra buŝo, kaj tra la buŝo de forno eniras la karbo. Por la buŝego de sovaĝa besto ni havas specialan vorton *faŭko*, kiu taŭgas por esprimi iun enirejon timigan, ekz. la *faŭko* de la morto. La *lipoj* formas la randon de la buŝo kaj povas aplikiĝi por la rando de kavaĵo, ekz. vazo aŭ vundo. Aro de malmolaj pintoj ĉe rando aŭ fiksitaj elstare en kadro memorigas nin pri *dentoj*, sekve : dentoj de kombilo, segilo, rado aŭ muro — precipe ni rekonas la analogecon de funkciado, kiam ni vidas du dentradojn intermordiĝantaj. La *lango* estas por la Finnoj (kieli) ankaŭ la frapilo de sonorilo. La *vangoj* aplikiĝas teknike por la fostoj de pordo kaj por la vertikalaj flankpartoj de diversaj maŝinoj, aranĝitaj pare, ekz. ŝraŭbtenilo.

Inter la kapo kaj la trunko estas la *kolo*, pli mallarĝa ol ambaŭ. Ĝi do esprimas relative mallarĝan parton de objekto, ekz. de botelo aŭ retorto. Kiel geografia termino ĝi povus uziĝi en *terkolo* (istmo) *montkolo* (alta trapasejo) kaj *markolo*. La malantaŭa parto de la kolo estas la *nuko* ; la Finnoj uzas sian vorton *niska* tre pentre por la supra rando de akvofalo.

Facile ni povas bildi al ni montan mason, kiu havas dorson (kiel la kurba dorso de besto), *ŝultrojn*

kaj eĉ *bruston* kun *mamoj*. La centra parto estas la *spino*. La kimroj uzas eĉ esprimon *cesail*, t. e. subbrako, *akselo* por la kaŝitaj montanguloj. Ili uzas ankaŭ *bron* por la montobrusto, dum la francoj havas *mamelon* por rondaj montosuproj. La iom nepreciza ideo *sino* (latina sinus), por la brusto kaj apuda korporegiono, donis al ni — pere de la samsignifa greka vorto *kolpos* — la esprimon *golfo*, komp. I. *sinus*. La *sino de la tero* igas nin pensi pri vasta pejzaĝo kun ŝveloj kaj kavoj. Kelkaj lingvoj uzas krome: *la sino de la maro*, sed pli poezia ŝajnas al mi la finna esprimo: *la dorso de la maro* aŭ *de la lago* kun iliaj kromideoj de granda etendo kaj kurbeco. La finna diras eĉ por esprimi la malheliĝon de la nokto *vön selkään*: antaŭ noktiĝo, laŭvorte: *sur la dorson de la vespero*. La *ventro* ŝajnas esti malpli pejzaĝeca. Ĝi estas la meza parto de vazo, kies mezo estas pli ronda kaj dika kaj pufa ol la supro aŭ malsupro.

Ambaŭflanken de la trunko elkreskas la *brakoj*, do aplikeblaj ankaŭ por apogseĝo kaj cirkelo; ĉar ili subtenas, ili povas aplikiĝi al levilo kaj kandelabro, kaj eĉ rivero povas havi brakon, kiu forflankiĝas de la ĉefa fluo. La *manoj* kaptas, palpas, tenas, indikas: angle ni nomas *hand* eĉ la montrilon de horloĝo. La ungoj de la fingroj donas al ni, pere de la teŭtonidaj lingvoj la nomon de najloj (orig. gratiloj aŭ traboriloj). Mirige estas, ke Esperanto ankoraŭ ne posedas oficialan terminon por la tuta malsupra membro ek la femuro ĝis la piedo (a. *leg*, g. *Bein*, fr. *jambe*). En la angla oni povas diferencigi inter la *gambo* (leg) de tablo kaj la *piedo*. Esperantistoj ĝis nun hezitis uzi *ĉe la piedo(j) de la montoj*.

*Osto* ĉirkaŭata de *karno* estas analoga al fruktokerno ĉirkaŭata de pulpo kaj multaj lingvoj uzas por ĉi tiuj la korpajn nomojn. *Vejno* estas por ni kvazaŭ nerekta streko de koloro pasanta tra materio kun malsimila koloro, ekz. *vejnoj* de marmoro, ligno kaj oro. Tamen, la Romanoj preferis rigardi vejnon kiel trafluilon, uzis do *vejno de akvo* por rivereto.

Se ni volas nomi objektojn, portatajn sur diversaj korpopartoj, ni povas uzi la sufikson *-um*, ekz. *nazumo, buŝumo, kolumo, manumo*; sed, se temas pri parto de vesto kovranta plurajn partojn, ni povas nomi la vestoparton laŭ la korpoparto kovrita, aŭ ĉirkaŭvolvita, ekz. *brakoj de ĉemizo, piedoj de ŝtrumpoj, fingroj de ganto.*

Korpaj mezuroj estas ne nur la *piedo*, sed ankaŭ la *ulno* (antaŭbrako) kaj la *klafto* (la longo de la brakoj flankenetenditaj), sed la *colo* devenas de germana vorto signifanta origine »cilindroforma ŝtipo.«

La nomoj de korpopartoj povas, pro sia intimeco kaj tuja preteco, helpi nin, esprimi urĝbezonan ideon eĉ sen konatiĝo kun la ĝusta vorto. Se ni ne konas la vorton *krenelo*, ni povas komprenigi nin dirante: la *dentoj* de la muro, kaj sendube, la Finno, ne konante la vorton *maŝoj* povas diri sendanĝere: la *okuloj* de la reto. Eble Esperanto povus utiligi pli ofte — kiel jam la angla — simplajn vortojn tiritajn de la korpopartoj. Ni angloj diras ekzemple en la gepatra lingvo: la futbalisto *kapas* la pilkon, *vizaĝas* la kontraŭulojn, *okulas* la rigardantojn; negocisto *ŝultras* ŝarĝojn, *manas* objekton al kliento, *fingras* la monon; naĝisto *brustas* la ondojn, ktp. Nia lingvo iĝu iom post iom pli simpla, pli riĉa kaj pli esprimoforta ol eĉ la naciaj lingvoj.

---

# EN VERDA TUMULTO

**Kraków — Warszawa — Bialystok**

Per ses-cilindra Nash-aŭtomobilo, gajnita en la Ĉeloterio, mi enveturis Krakovon kaj haltis antaŭ la Universitato. Kiam mi eniras la grandegan domon, jam de malproksime atingas miajn scivolajn orelojn zumado de homaj voĉoj sur la koridoroj.

Paŭzo!... La ridetanta pastro, portanta subbrake sian ruĝan katon »Cinciminciĉurmur«, ĵus malaperis en ĉambron. La ĉarmaj Krakovaninoj montras ridetantajn mienojn. Ili lernis hodiaŭ la hispanan etiketon, kiun ili volonte ŝatus apliki je la persono de la amata pastro. Kaj ankaŭ la multaj eksterlandaj Esperantistoj, estontaj disĉiploj de Ĉe, montras gajajn vizaĝojn. Ili multe diskutas pri la mirinda metodo...

Zumas kaj svarmas en la koridoroj. Miksita publiko. Flue parolantaj malnovaj pioniroj. Novaj jam parolkuraĝaj gekomencantoj. Daŭra salutado kaj interkonatiĝo. Nur post unu semajno komenciĝos la kongreso, sed ni estas jam tute internacia societo.

La paŭzo finiĝis. La salonego pleniĝas denove. Sur la katedro staras la nigre vestita figuro de pastro Ĉe. Kiam eksilentas la babilemaj buŝoj de la kursaninoj, flugas tra la aero lia unua demando:

»Ki-uuu es-tas mi?«

Kaj la publiko respondas hore kiel bonege funkcianta maŝino:

»Vi es-tas An-dre-o Ĉe!...«

* * *

La »malbona objekto« anoncanta la finon de ĉiu leciono, vekas ĉiam senton de bedaŭro en la lernantoj — malgraŭ tio ke la »taga varma lampo de la naturo« brilas varmege, tiel ke la ĉokolado, la »bruna ŝlosilo de la koroj« preskaŭ degelas en la manoj de la amata pastro.

La tempo forflugas. Posttagmeze vizitado de la urbo, ekskursoj. Vespere gajaj kunvenoj en salono kaj en kafejoj. Senlaca Hodakowski, nia »aparato«, zorgas kiel patro por siaj infanoj. La urbestraro eĉ regalas nin per kafo kaj kukoj en arbareto Wola. La suno ridas. Ĉarmaj krakovaj knabinoj nin ĉirkaŭas. La »amazono« el Lwów ligis nian Svedĉjon-Emanuelon per ama zono. Mia frato jam trinkis la trian tason da senpaga »nigra bona akvo«. Oni »faras muzikon per la buŝo« kaj en la arbaro oni prezentas eĉ teatrajon de sinjoro »Sssst-pufff« — Neuzil. Kaj nur vespere, kiam la nokta malvarma lampo de la naturo jam ekbrilas, la aŭtobusoj ekspedas nin hejmen. Tiel pasas la neforgeseblaj serenaj tagoj antaŭ la kongreso!...

Kaj iumatene eksvarmas novaj homoj sur la koridoroj de la Universitato: la partoprenantoj de la Seminario kaj unuaj kongresanoj!

Apud Lidja Zamenhof staras — hura! — Julio Baghy, kiun mi revidas post ses jaroj. La ŝtuparon kuras supren Scherer, la mondvojaĝanto. Neniam oni supozus ke li faris tian lacigan vojaĝegon, tiel freŝa kaj vigla li estas! Kaj jen staras Morariu kaj lia ĉarma juna edzino, la vera Esperanta paro! Ankaŭ la infanoj parolos nur Esperanton, li diras. Manpremoj, nomoj konataj, salutoj, manpremoj — sed jam vokas la sonorilo de pastro Ĉe..

Vendredon vespere la kortuŝa solena fino de la kurso. La lernantinoj deklamas, lernantoj jam paroladas, kaj ĉiuj komune kantas. Ĉiuj estas malgajaj, ke ni devas adiaŭi la amatan pastron kaj ĉu estas mirige, ke »multe da akvo venis el la okuloj« ???...

* * *

La kongreso komenciĝis!

La plej granda gazeto de Polujo aperigas sur la unua

paĝo Verdan Stelon kaj la portreton de Zamenhof. Ĉiutage ĝi presas kongresan bultenon en Esperanta lingvo. Multaj magazenoj estas ornamitaj per verdaj flagetoj kaj steloj. Policanoj kun stelrubandoj. Sur la stratoj mi renkontas multajn samideanojn. »Saluton!« ili krias. »Saluton!« mi respondas. Antaŭ la s:a:idomo staras Esperanta triumfarko...

Kaj vespere Solena Malfermo de la Kongreso, dum kiu ni klakis, klakis kaj poste Interkonatiĝa Vespero, dum kiu ni dancis, dancis... La varmego estis terura, ni estis jam mortlacaj kaj nur dank' al la porcio da »pierozki«, kiujn Svedêjo manĝas tiel volonte, ni eltenis ĝis malfrua horo... tamen tiu dancado havis la malbonan sekvon, ke mi preterdormis la esperantan predikon kaj la solenan malfermon de la nova Zamenhof-strato...! Ĉu ne honto?

* * *

Dimanĉon, posttagmeze ni trovas ĉiujn aŭtobusojn jam plenaj. Multaj ekskursavidaj samideanoj insultas, aliaj uzas tramojn aŭ marŝas piede al la Wola arbareto. Elmarĉandinte ĉe fiakristo malaltan prezon, ni sidigas du junajn svedinojn en la veturilon, kunpuŝiĝas dumvoje kun alia fiakro, ĉe altajoj ni eliras kaj marŝas piede, por ne tro lacigi la mizeran ĉevaleton kaj fine post longaj amuzvagoj tra la densaj arbetajoj ni alvenas en la restoracio...

La Esperanta popolo kolektiĝas sur la herbejo, por ĉeesti la oratoran konkurson. Mi kuris por partopreni kaj gajni la unuan premion, sed kiam mi vidis en la gravmiena komisiono d-ron Turno, mi tuj ekmemoris ke mi perdis kontraŭ li veton je tri likvoroj pro lingva demando, kaj kompreneble mi tuj rezignis pri la partopreno, ĉar certege ankaŭ ĉi-foje mi ne gajnus...

La Esperanta popolo multe ludis, kantis, amuziĝis sur herbejo kaj la ekskurso sukcesis tre bone. Sed vespere okazas la granda verda skandalo!

Manĝinte bonan porcion da »pierozki« ni iras kun freŝaj fortoj kaj esperoj al la »Gaja Vespero«. Ni tre malfruiĝas. En la vestiblo ekhaltas niaj piedoj. Kio estas? Grupo de ekscititaj kongresanoj insultas. Oni devas aĉeti specialajn biletojn. La tuta prezentado estas krom du-tri programeroj en pola lingvo. Dum la paŭzo multaj proteste foriras. Maljuna anglo tre energie — ĉu li manĝis ankaŭ »pierozki«? — postulas la plendan libron. Krakovano klarigas, ke tiun vesperon ne aranĝas L. K. K. sed iu entreprenisto, kiu afiŝis tiun programon kun pola humoristo Krukowski por la krakova publiko kaj bonvolis enŝovi en la programon kelkajn Esperantajn programerojn, por allogi la Esperantistojn. Skandala fuŝaĵo! Kaj ĉiuj ni rigardas nin senkonsile: »Kien do iras la Esperantistoj?« Tiel finiĝis la »Malgaja Vespero«...

* * *

Lundon ni terrruure laboris kaj fakkunsidis, sed vespere ni estas en nova embaraso. Ni havas biletojn nur por la morgaŭa koncerto kaj mi serĉas en la eleganta kongreslibro alian programon por tiuj, kiuj ne iras al la hodiaŭa koncerto. Rigardu, rigardu, kion proponas al ni L. K. K. Operon? Ne. Teatraĵon? Ne. Kabaredon? Ne. Scherer-vesperon? Ne. Literaturan Vesperon? Ne. Kaj denove, jen sur la strato, jen en kafejo, jen en la akceptejo, jen en restoracioj vagas la Esperantistaj orfoj kaj senkonsile demandas unu la alian: »Kien iras hodiaŭ la Esperantistoj?« Neniu scias. La plimulto iras al Pavilono, kafejo en la plantoj, kie oni povas sidi ekstere aŭ danci interne...

Bedaŭrinde Kraków prezentas vespere tro malmultajn distraĵojn, ke la L. K. K. facilanime povus lasi la Esperantistojn kuri, kien ili volas. Kraków ne estas Parizo...

»Silentu, ne grumblu!« diras miaj fratoj, »La morgaŭa ŝipekskurso al Tyniec rekompencos miloble!«

* * *

Effektive! La vaporŝipa ekskurso! La ĉielo brilas. La aero bluas. Kaj la petola vento levas la verdan flagon, ke ĝi flirtas super la kapoj de la ridetantaj kongresanoj. Du grandaj ŝipoj veturas. La kastelo Wawel restas post ni, la ŝipo naĝas trankvile. Sur ambaŭ bordoj de Vistulo banas sin miloj da homoj. El la akvo vokas eĉ Esperantistoj sian »Vivu!«. Sinjoro »fidel-fidel-ŝrum« aranĝas komunan kantadon kaj ludadon sur la ferdeko. Kaj Adam Zamenhof, la filo de la Majstro, eĉ filmas kelkajn scenojn. ankaŭ la ĉarman simieton, kiun s-ro Werner alalportis el Danzig. Mi salutas junan polan poetinon Irena Szczepanska, kiu nun komencas verki originalan romanon en Esperanto! Mi salutas gesinjorojn Szapiro el Varsovio, kies filo estas konata pola filmreĝisoro.

Rapide ni forbabilas la tempon. Jam ni alvenis en Bielany, la unua stacio. Ĉiuj elŝipiĝas. En la restoracio okazos la komuna manĝado kaj kaftrinkado, por kio ĉiu aĉetis kune kun la biletoj specialan kuponon, donotan al la kelnero.




ICK-estro kaj lia estrino




Font Giralt bone fartas




Lidja Zamenhof tuj post la aĉeto de »Hura«




R. Kreuz ĝuas la varmon




Pastro Cseh ĉerpas novajn fortojn




Teo Jung plijun(g)iĝinta, apud sinjorino Morariu



*Kongresanoj: D-ro Suzuki, K. R. C. Sturmer, red. Szalla, Lidja Zamenhof, Stefan Fethke*

*La plej popularaj kongresanoj: Prof. Bujwid kaj pastro Cseh*

*Julio Baghy kaj Jean Forge*

Sed ĉu mi povas priskribi al vi tion, kio nun sekvas? Ĉu rajtas, darfas, eĉ licas tion fari?... La malgrandan restoracion atakas kelkcent malsataj verdaj leonoj, sed kelneroj ne estas videblaj. Nur ĉe malgranda tablo staras virino kaj per grandega tranĉilo tranĉas panpecojn. Dume alia viro surŝmiras buteron kaj surmetas ŝinkon. Tiamaniere ili volas satigi centojn da malsataj, kriaĉantaj, insultemaj Esperanto-buŝoj... Effeketive, ke la puloj ekmordu vin! Tian batalon mi ne vidis ankoraŭ. Kaj mi havis bonegan okazon konstati, ke Esperanto mirinde taŭgas kiel insulta lingvo. Aliaj avidaj ricevi kafon, sturme atakas la malgrandan kuirejon, kie jam ekbolas la akvo en poto sufiĉanta — akurate por 12 glasoj! Poste ni devas denove atendi, ĉar la akvo devas denove ekboli kaj mankas glasoj, glasoj... Fine oni eljetas nin el la kuirejo, kelkaj glasoj dume renversiĝis, rompiĝis kaj bona nigra akvo fluis anstataŭ en la soifajn gorĝojn de kupon-armitaj kongresanoj sur la plankon. Tiam mi forkuris, kunpreninte rapide botelon da limonado solece starantan...

Dum tri horoj daŭris la batalo pro unu peco da pano kaj unu glaso da teo aŭ kafo. Estas jam vespero, kaj multaj energie postulas reveturi tuj al Krakovo por ne perdi la koncerton. Aliaj malsatuloj volas ne foriri antaŭ ol ili ricevis la panpecon, por kiu ili ja pagis 4 zlotojn! Fuŝarangô! Trompo! Malordo! Ni direktos plendskribon al la plej alta aŭtoritato de Esperantujo al I. C. K., sub kies kontrolo ja okazadas niaj Universalaj!..

Sed ĉiuj minacoj estas vanaj. La sirenoj de la ŝipoj krias. Kaj ni devas rapidiĝi. Ekpreninte nian flagon, kiu dume alte flirtis sur arbo, ni kuregas. Nun ni povas elekti: unu ŝipo reveturas al Krakovo, la alia daŭrigas la vojon al Tyniec.

»Se vi ŝatas aventurojn, mi konsilas veturi al Tyniec!« diras juna kuraĝulo, havante subbrake ĉarman kunulinon.

Do ek al Tyniec! Adiaŭ! Ĝis revido! La dua ŝipo forveturas. Ni svingas niajn flagojn. Diablo prenu la koncerton. Kvankam la suno jam subiras, nia kapitano donas bonan vaporon kaj ni velas kun ĝojo al nekonata haveno. Rido eksonas. Fraŭloj kaj fraŭlinoj flirtas elegante esperante. Kaj la krepusko envolvas per reva vualo la parojn, da kiuj mi vidas pli kaj pli multe.

Mi havas la ŝancon sidi apud unu el la Lwowaj amazonoj kaj mi enskribis jus en ŝian paperan disfaldeblan koron »La am' ne estas ludo«, kiam mi aŭdas sub mi misteran grincadon. Ĝi devenas de malprofunda sablajo, trans kiun glitis la ŝipo.

Kaj nun denove rrrr — kaj jam ni staras sur sablo. La maŝino laboregas, tien, reen, tien, reen. Preskaŭ unu horo pasas, ĝis fine ni sukcesas liberiĝi de la sablo kaj atingas pli profundan akvon. Dume la nokto jam nigrigis la ĉielon. Mallumo nin ĉirkaŭas, kaj la kuraĝa kapitano rezignas pri Tyniec kaj returnas la ŝipon. Dum kelka tempo ni agrable veturas. La maŝino regule laboras. La akvo muĝas, muĝas. Kaj la paroj sur la ŝipo estas kontentaj. La malvarma nokta lampo ekbrilas kaj en tiu momento ŝajnas al mi, ke ĉion ĉi mi jam unufoje travivis. Jes, sur la adriatika maro, kiam mi nokte veturis kun la jugoslavaj samideanoj al Split...

El niaj revoj ni vekiĝas per nova grincegado, kaj denove ni haltas. Kaj nun la afero fariĝas malagrabla. Estas malvarmete. Neniu kunprenis mantelon. Horo pasas post horo. Ni staras. Eĉ al la paroj fariĝas malvarme. Kaj soleca knabino amuzas sin, lumigante kaj timigante per elektra lampeto la parojn, kiuj proteste krias.

Neniu el la Komitato estas videbla. La maŝino jam ne laboras. Multaj suriras la malgrandan balanciĝantan boaton kaj kvinope estas ekspedataj al la bordo, por piede marŝi tra la nokto al Krakovo. Estas jam noktomezo. Kaj denove la Esperantistoj estas kompatindaj orfoj. Neniu zorgas pri ili...

Fine, kiam mi decidis per la boato atingi la bordon, la ŝipo ekmoviĝas kaj — hura! — ni naĝas! Je la unua nokte ni estas en Krakovo. Diable malsataj ni serĉas ankoraŭ restoracion, kaj dank' al hazarde renkontitaj Esperantistoj-krakovanoj ni trovas ankoraŭ kafejon.

Sekvan matenon mi kuras al la akceptejo, por serĉi la plendan libron de la kongreso. Sed unu el la Komitatanoj tute sprite klarigas al mi la tutan aferon:

»Vi volas plendi kontraŭ L. K. K.? Mia kara, tio ne estas ebla — ĉar tiun ekskurson aranĝis ja la vojaĝoficejo »Orbis«!«

Fulmtondro! Tion mi ne sciis. Li ja estas tute' prava kaj ne darfas, eĉ ne licas kulpigi la L. K. K. kompreneble!...

* * *

Plej volonte mi estadas en la Akceptejo. Sur la ŝtuparoj, en la koridoroj, apud la bufedo, antaŭ la diversaj ĉambroj de la fakkunsidoj, poŝto, banko, loĝeja, ekskursa fako, en la librejo, en kiu la fervora agministro lerte konstruis specialan belan standon de Literatura Mondo, ĉie, ĉie sentiĝas la verda trafiko. La lingvo sonas, flugas, ĉirpas el ridantaj buŝoj de la diverslandanoj. Sur la muroj



**_La Bialystoka vic-vojevodo Zawistowski subskribas la monumentan dokumenton_**



Ekskurso al Tyniec: „. . . la kastelo Wawel restas post ni, la sipo nagas trankvile“



Mateno Cseh-kurso: „Ki-aaa estas la papero? . . .“




Tombo de Zamenhof

estas fiksitaj afiŝoj, flugfolioj, manskribitaj avizoj.

Ĉi tie mi renkontas amikon Jung — bedaŭrinde sen edzino! Onklo Miĉjo el Genova, la fidela senlaca kongresano! Jen gesinjoroj Colman, por kiuj Esperanto estis »edz-peranto«, kaj nia malnova amiko »effeketive«-Sakowicz. Kaj ĉi tie oni povas rapide konatiĝi kun multegaj simpatiaj knabinoj, kiuj havas siajn memorlibretojn ĉiam pretaj por enskribo aŭ uzas por tiu ĉi celo la kongresan libron, en kiu estas 20 blankaj paĝoj.

Malsupre en la vestiblo mi ofte staras antaŭ la nigraj tabuloj, sur kiuj mi trovas la plej freŝajn informojn. Jus mi estas manĝanta la »Esperanto-ĉokoladon«, kiam miaj okuloj fiksiĝas al grava avizo. Mia spiro haltas kaj la ĉokolado restas en mia gorĝo. Mi legas:

»Atentu! La esperantistoj el Princlando Lichtenstein estas sciigataj, ke hodiaŭ marde je la 15-a ili vizitos la konsulon de Lichtenstein en Kraków sub la gvido de s-ro dir. Robert Kreuz. Rendevuo en la kongresejo.« Kaj iu alskribis per krajono: »Venu multnombre!«

Tiun ĉi sciigon mi legas kun emocio kaj mi nur bedaŭras ke mi ne estas Lichtensteinano, por persone partopreni.

Sentante soifon mi iras supren por trinki ĉe la bufedo limonadon. Mia ĉeĥa amiko rakontas al mi, ke oni projektas Universalan post kvar jaroj en Tokio. Sed tiam subite, kiam mi levas la limonadan glason al la lipoj, mia mano haltas. Miaj okuloj fikse rigardas pordon de mistera ĉambro, sur kiu mi legas la literojn I. C. K. K. R. G. E. kaj en la sama momento la pordo malfermiĝas. Tra la kadro paŝas gravmienaj ŝvitegantaj sinjoroj. Mia ĉeĥa amiko klarigas al mi flustre, ke ili laboregas jam de la mateno... Kaj jen — effektive, tute klare mi vidis ĝin! Ĝi ŝvebis super iliaj ŝvitegantaj kapoj — *ĝi, la fantomo de la revizionismo!...*

* * *

Mi estas malgaja... Nia sveda amiko jam forlasis Krakovon. La kongreso ne kontentigis lian verdan koron. Kaj same aliaj eksterlandanoj forlasas la kongreson kaj fariĝas »memstaraj«. Malĝojiga signo. Vane, vane ni atendas kaj sopiras iun vere esperantlingvan prezentadon.

Hodiaŭ estas Festivalo de pola muziko sur Wawel por la krakova publiko, kiel mi vidas el la grandaj afiŝoj en la urbo. Al la Esperantistoj oni donis senpagajn enirbiletojn.

Konsolas la kongresanojn sole la »Literatura Mateno«, kiun aranĝas je propra risko aparte de la L. K. K. nia Literatura Mondo kun sia agema agministro konata Kaj la Mateno laŭ ĉies opinio bone sukcesis. Jen fine eksonis la muziko de la Esperanta lingvo kaj ravis la korojn de la samideanaro! Kaj mi volas ankoraŭfoje publike kaj plej varme danki al prof. Odo Bujwid, kiu plej energie subtenis nian ideon kaj komprenis la gravecon de tia entrepreno. Ke la venontaj kongresoj same lasu vesperon aŭ matenon al la literaturistoj, jen mia sola deziro!...

* * *

Kaj jam la bala festo! Fraka vesto. Nacikostumo. Amindumo! Kion rakonti? Ni dancis, dancis, dancis...

Oni elektas la plej belan kostumon. La kostumitaj belulinoj devas preterpasi la komitaton. Rajna, la ĉarma bulgarino gajnas la unuan premion! Oni denove dancas, dancas, dancas...

Poloj montras vervan Mazur-dancon, kaj amiko »effektive« jetadas furioze sian longegan strutplumon, kiun li portas surkape, kaj per la botoj frapadas la plankon tiel forte, ke kvazaŭ tondro plenigas la salonegon. Dume alte, alte sur la galerio super la salonego, staras amiko Baghy kaj per miraj okuloj rigardas antaŭ sin. Ŝajnas ke li en tiu momento naskas novan poemon pri la senhoma traktado de la botoj per la dancantaj marionetoj. Kaj jen staras ankaŭ amiko Sturmer, kiu ankaŭ lerte scias svingi sian dancpiedon, kaj jen venas »sveltulino«, kiu vane serĉas Svedĉjon, la amindan knabon...

Kaj ni dancis, dancis, dancis... Malgraŭ ke estis varmege, malgraŭ ke »la fenestroj sur mia kapo« jam de tempo al tempo fermiĝis pro troa laceco, malgraŭ ke la suno jam briletis en la salonegon...

* * *

Fine bone sukcesinta ekskurso al salminejo Wieliczka! Ĉe la stacidomo akceptas nin ĉarmaj skoltinoj kun floroj. Mia frato ricevas grandegan bukedon. La skoltino supozis, ke li estas grava persono, ĉar li tenis nian flagon. Orkestro ludas la himnon. La urbestraro sur la perono. Komuna fotografado. Baghy kun dika mantelo surbrake. Oni diris al li, ke sub la tero estas nur 6 gradoj da



*Modelo de la Zamenhof-Monumento en Bialystok (Dimensioj 7×4 m, alteco 12 m)*

varmo. Lifto ekspedas nin rapidege malsupren. Pli ol 60 metrojn.

Migrado tra la iluminitaj grotoj. Ĉiuj kapeloj, figuroj el salo skulptitaj. Multegaj ŝtupoj kaj koridoroj. Fine ni atingas grandan salonon, kie okazas komuna dancado, kiun ni ĉiuj ĝoje akceptis, ĉar efektive regis ioma malvarmo.

Vespere, kiam ni reveturas, pluvas. Al la »Gaja vespero« neniu plu iris kaj tiel pasis la lasta vespero sen programo. Tre domaĝe.

* * *

Lokomotivo sub vaporo! Ek al Warszawa!

Sur la perono ni adiaŭas de la ĉarmaj samideaninoj kaj simpatiaj amikoj. La flagoj pendas el la kupeaj fenestroj. Du vagonoj estas plenaj de samideanoj. Ĝis revido en Parizo! Ĝis revido en Parizo!« Jam ni veturas...

Fulmrapide pasis la kongresa semajno. Sidante en komforta angulo de la kupeo, trafoliumante la lastajn gazetojn, kiuj raportis pri la kongreso, mi komencas resume fari la bilancon de la kongreso. Kiel simpla kongresano, ne konanta la verdan politikon, mi povas nur konstati, ke la poŝto, la loĝeja afero, la fervoja rabato, la organiza flanko de la kongreso tre bone funkciis. Nur la diversaj aranĝoj vesperaj forte lamis laŭ vidpunkto Esperantista. Laŭ mia profunda konvinko la Esperantistoj veturas al kongreso ĉefe pro tio, ke ili esperas aŭdi kaj ĝui Esperantajn programojn. Se la kongresoj universalaj al ni donos nur tion, kion donas la aliaj ne-esperantaj kongresoj, oni ne miru, se la nombro de la Esperantaj partoprenantoj pli kaj pli malkreskos. La *lingvo* kaj ankoraŭfoje la *lingvo* estas la plej grava elemento, tute egale, ĉu ni aŭdos dramon aŭ ridos en kabaredo!

En la vagonoj internacia societo. Scivole mi vagas tra la vagonaro. Jen febre klakas la skribmaŝino de amiko Scherer. Jen sidas amiko Lejzerowicz kaj kun kelkaj samide-anoj kartludas. Jen oni persvadas onklon Miĉjon, veturi al Bialystok. Jen en la koridoro mi kaptas amikon Sturmer, kun kiu mi havas tre longan konferencon pri literaturaj demandoj. Jen mi venas al la radiostacio de la vagonaro, kie fervoraj samideanoj sub faka komando de s-ano Borel propagandparolas antaŭ la mikrofono kaj dissendas tra ĉiuj kupeoj la diskon en la Esperanta himno. Kiel domaĝe, ke la Esperantaj vagonoj ne havas aŭdilo-instalajon, alie ni sendus tuj improvizitan radiokabaredon. Kaftrinkado kun amikoj en la manĝovagono — kaj jam ni estas en Warszawa!

* * *

Dimanĉe, antaŭtagmeze vizito al la tombo de la Majstro! Laŭ hebrea moro ni surmetas ĉapojn, kiujn pruntas al ni la pordisto, ĉar ni estas senĉapelaj. La poeto Belmont parolas, unu el la unuaj pioniroj sur la literatura kampo. Sekvas la reprezentantoj de la diversaj nacioj. Estas tre malvasta loko. La homoj premiĝas. Inter grandega florvazo kaj la pajloĉapelo de mia najbaro mi fotokaptas mian japanan amikon (d-ron Itoo). Germana samideano Strümpfel diras: »Dum la milito mi akiris en Polujo 24 vundojn — nun en Krakovo mi akiris dank' al Esperanto pli ol 24 amikojn!«

Sekvas solena malkovro de la memortabulo ĉe strato Zamenhofa. La polico severe fermis ĉiujn stratojn. Modela ordo! Balkonoj ornamitaj. Scivolaj homoj ĉie sur balkonoj, en fenestroj. Paroladoj, himnado. Post fino de la ceremonio kuregantaj homamasoj el ĉiuj flankoj. Sep kongresanoj viktimoj de lertaj poŝŝtelistoj! Vespere interkonatiĝa vespero en kafejo. Ni dancas, dancas, dancas...

* * *

Lundon je la kvina posttagmeze mi staras kun miaj fratoj kaj aliaj ekstertandanoj antaŭ la domo 41 en la Królewska-strato. Ni estas invititaj al teo ĉe la familio Zamenhof. Tiuj ĉi horoj en la hejmo de la Zamenhofoj estas por mi plej bela kaj interesa memorajo de la tuta kongreso. Mi bonege memoras, kiam mi kiel juna knabo enpaŝis la saman domon, kiam mi havis la feliĉon paroli kun la vidvino kaj kun Lidja, kiu tiam ĵus revenis el la lernejo, portante siajn lernejajn librojn...

Pli ol 50 gesamideanoj el plej diversaj landoj estas invititaj. Kaj la filinoj de nia Majstro regalas min per teo kaj bonegaj kukoj. Oni sidas aŭ staras en grupoj kaj babilas. Leo Belmont legas al mi siajn lastajn tre spritajn Esperantajn poemojn, kiujn li promesas transdoni al Literatura Mondo. Scherer rakontas pri siaj spertoj. Leono kaj Felikso afablege zorgemas pri siaj gastoj. Kaj regas eksterordinara harmonio.

Adam Zamenhof, la filo, havas surprizajon por ni: filmon de la Krakova kongreso! En apuda mallumigita ĉambro ekbruetas la projekcia aparato. Sur la ekrano aperas la Esperantistoj: pastro Ĉe marŝas kun gesinjoroj Isbrücker! Flagoj flirtas. Esperanta policano. Ŝipekskurso. Kaj jen ni estas ĉiuj mem. Ĉiu retrovas sin sur la vivanta ekrano. Multa rido sekvas ĉiun bildon. Ni kore aplaŭdas la lertan filmoperatoron.

* * *

Poste li montras ankoraŭ filmon de sia fileto Ludoviko, humorajn scenojn el la vivo de aminda knabeto. Kaj nun sekvas emocia momento: malnova Gaumontfilmo farita antaŭ la milito. Sur la ekrano aperas la figuro de la Majstro! Kaj unuan fojon en mia vivo mi vidas lin vivanta. Li staras, tenante libron en la mano, kaj paroladas kun oratora gesto. Mi ne aŭdas kion li diras. Sed mi sentas la personecon de tiu genia homo, kies lingvo por mi estas same kara kiel la gepatra. Neniam plu mi povos forgesi tiun vivantan figuron, kiun mi vidis sur la ekrano en la hejmo Zamenhofa...

Post vizitado de la urbo, ekskurso al Wilanów, trinkado de pola mielvino en kaŝita vinejo kun ĉarmaj Varsovianinoj, post mistera posttagmeza kunsido en la urbestrara domo, kies sencon kaj signifon mi ne divenis, post gaja adiaŭa vespero kaj lasta danco kun ĉarma Lodzanino — ni matene denove sidas en vagonaro, por veturi al nia lasta celo: Bialystok!...

Kaj, amikoj, se mi havus lokon, mi plenigus tutan numeron de LM pri tiu mirinda interesega urbo — urbo de la Esperantistinoj!

Kiam nia Esperanta vagono enveturas kun flirtantaj verdaj flagoj la stacidomon de Bialystok, amiko Joŝo (Sapiro) kun sia verda anaro staras sur la perono kaj salutas nin vigle. Militista orkestro ekludas la himnon. »En la mondon venis nova sento...« Sur la ponto kontraŭe densaj homamasoj. Sur la stacidomo verdaj rubandoj kaj granda »Bonvenon!«. Tuja disdono de la kongresaj dokumentoj. Specialaj gvidantoj por ĉiu. Por ni tri fratoj oni rezervis senpagan loĝejon. Per fiakro ni veturas en la urbon. Jam de malproksime salutas nin la pola kaj Esperanta flagoj, flirtantaj sur la turo de la Kosciuszko-placo! Grandaj rubandoj pendantaj laŭlarĝe super la stratoj kun Esperantaj surskriboj. La tuta urbo scias pri nia alveno.

Homoj! Jam depost tri semajnoj la verda tumulto frapas kontraŭ miajn orelojn. Mi estas jam laca, surda, apatia... mi vojaĝis, kuris, dancis, ekskursis, ŝvitis kaj laboris — kaj nun mi estas laca kaj havas nur unu deziron: dormi!...

Sed Bialystok, miaj karaj, estas unu grandega verda muelejo. Kaj ekprenas min ĝiaj rotaciantaj radegoj. La muelaj ŝtonoj turniĝadas en rondo kaj muelas, muelas, ke la verda pulvoro ekflugas, ekŝprucas, blindigas... Nova entuziasmo trakuras miajn membrojn, kaj mi paŝas tra la stratoj de tiu ĉi mirinda urbo kun vaste malfermitaj okuloj, tra la samaj stratoj, tra kiuj paŝis la knabo Zamenhof, tra la krudpavima strato, kiu portas nun Lian nomon, en kiu ludis la revema knabo Ludoviko, sur la iom kruta ŝtuparo supren en la modestan ĉambreton, ke naskiĝis nia Majstro....

Pasis duona jarcento de tiu tempo, kaj hodiaŭ oni metas en ĉeesto de ŝtataj kaj urbaj reprezentantoj la fundamentan ŝtonon de konstruota Zamenhofa Monumento, dum militista orkestro ekludas la himnon de la paco...

Kaj la muelejo muelas, muelas... Post la monum-

enta soleno komuna tagmanĝo en hotelo Ritz. Partoprenas reprezentantoj de pola registaro. Esperantaj tostoj honore al la pola nacio. La orkestro ludas la polan himnon. Brila humoro inter la multaj eksterlandanoj. — Posttagmeze vizito de la urbo kaj naskodomo de Zamenhof. Ornamitaj balkonoj en la strato. La loĝantaro ĉirkaŭas nin amase. Policanoj forpelas la publikon. Fotografado antaŭ la domo. Enskribo en la Oran Libron en la Zamenhofa ĉambro. — Jam urĝas iri al la magistrata domo. Tie pendas je nia honoro la pola kaj esperanta flagoj. Paroladoj de registara, urba, komunuma kaj eksterlandaj reprezentantoj. Himno...

Kaj vespere ni sidas en la Esperanta Revuo-Teatro »La Verda Muelejo« kaj rigardas la originalan Esp. revuon »La Stela Parado«. Tio kion ni vane atendis kaj sopiris dum lastaj tri semajnoj, ĉi tie efektiviĝas. Teatraĵoj, kantoj, dancoj, revu-bildoj, skeĉoj sekvas unu post alia en bonega Esperanto. Belaj kulisoj. Mirindaj lumefektoj. Ni estas ravitaj de »Place Pigalle« de R. Schwartz, de la »Stela Parado«. Ankaŭ fragmento el la Esperanto-opereto »Ho, tiuj fremduloj« alportas grandan aplaŭdon al la ĉeestanta aŭtoro F. Hiller. Mi gratulas al la plentalentaj Bialystokanoj kaj ilia reĝisoro Osovicki! Kaj mi dezirus tutkore, ke tiu ĉi revuo-trupo ludu en Universala Kongreso, certe ĝi rikoltus tondran aplaŭdon ĉe la kongresanoj. La »Verda Kato« ne vivas plu, vivu nia »Verda Muelejo«!...

Kaj poste balo en la belega salonego de la Vojevoda Palaco. Ankoraŭfoje ni aŭdas la belajn voĉojn de niaj amindaj revuo-steloj. Kaj mi dancas, dancas, dancas. Mi estas ebria de la multaj impresoj, de la brila akcepto, de la amindeco de bialystokaj belulinoj... fraŭloj, fraŭloj, se vi volas perdi vian koron, veturu al la urbo de la verda muelejo... lacega mi ŝanceliĝas hejmen, per tremantaj piedoj, kaj trenas post mi mian flagon...

* * *

Tri tagojn mi restas ankoraŭ en Bialystok kun miaj fratoj. Ni simple ne povas pli frue forveturi. Tro afablaj estas la bialystokaj samideaninoj. Estas multegaj en tiu urbo, dekoj, eble eĉ pli ol cent flue parolantaj. Ĉiupaŝe mi renkontas ilin sur la stratoj aŭ en la Akceptejo, kiun ni vizitas. Kaj kun granda ĝojo ni akceptas inviton al teo de la fratinoj Peltynowicz, en kies hejmo ni renkontas ankoraŭ la fervoran Enjon, la belvoĉan Ronjon kaj sveltan Ranjon! Ili afable akompanas nin al tag- kaj vespermanĝoj kaj aŭdu! aŭdu! — unu el ili eĉ pruntedonas al mia frato Eĉjo sian propran — litkovrilon, por ke li ne malvarmumu dum la nokto!...

En la akceptejo ni konatiĝas kun la Esperanto-patrineto s-ino Meilach, kiu rakontas pri pasintaj tempoj, kiam ŝi sepjara knabineto ludis kun dekjara Ludoviko Zamenhof. Tie ni ankaŭ konatiĝas kun la vere talentita Esperanta pentristo kaj grafikisto Tynowicki, kies multaj pentraĵoj ornamas la murojn de apuda ĉambro. Tie ni renkontas la famajn Genjon kaj Benjon, pri kiuj jam raportis redaktoro Jung antaŭ jaroj. Tie ni ankaŭ konatiĝas kun fraŭlino, pri kiu bialystoka gazeto raportas, ke ŝi perdis hieraŭ sian koron al bulgara Esperantisto...

Sed fine, fine venas la momento de la adiaŭo. Kaj kiam nia vagonaro ekruliĝas, kiam ni sendas tra nia kupea fenestro lastan rigardon al la ĉarmulinoj, kiuj svingas siajn poŝtukojn, ni vere estas malgajaj. »Ĝis revido, karaj amikinoj, ĝis revido en Parizo — aŭ en Bialystok!« estas nia lasta voko.

***Jean Forge***

La 6-an de Aŭgusto, en la bela kino-teatro »Ucicha« okazis nia Literatura Mateno por la partoprenantoj de la XXIII-a Universala Kongreso. Per tio nia celo estis riverenci kun sincera kaj kora simpatio antaŭ la diversnaciaj reprezentantoj de nia imagita lando Esperantujo, persone konatigi niajn kunlaborantojn kun niaj geamikoj kaj prezenti kelkajn floretojn de nia propra kulturo al tiuj, de kies subteno kaj kompreno dependas la pomporiĉa ekflorado, triumfa prospero de nia literaturo.



*Solena malkovro de la memortabulo en la strato Zamenhofa de Warszawa*

Nia programo komenciĝis per la himno »Espero«, prezentita laŭ gramofondisko de K. E. U. Dresden pere de la kino-teatra laŭtparolilo. La solenon de nia modesta kulturfesto plensukcese kreis la deklamado de Henryk Rozmarynowski, pola drama aktoro, kiu verve kaj artiste prezentis la poemon »Verda stelo super la Wawel«, verkita de K. de Kalocsay por la kongreso. Ni aparte mencias, ke lia elparolo estis modela kaj perfekte redonis la muzikon de la esperantaj ritmo kaj sonoj. Lin sekvis Jean Forge (Jan Fethke), nia ŝatata verkisto, kiu faris enhavoriĉan paroladon pri la pola literaturo. Por elokvente ilustri lian paroladon f-ino Lidja Zamenhof deklamis poeziplenan parton el la pola epopeo »Sinjoro Tadeo« de Miczkiewicz, tradukita de A. Grabowski. Post ŝia tondre aplaŭdita rolado eksonis la *voĉo de la Majstro* per la gramofondisko, farita laŭ la malnova, trouzita vaksa fonograf-cilindro. Bedaŭrinde, la reproduko ne sukcesis plene kaj el la modela elparolo de la Majstro restis nur kelkaj kompreneblaj frazpartoj, tamen la ĉeestantaro aŭskultis atentege, emocie. Malgraŭ la difektoj ni dankas la sorton, ke almenaŭ restis tia relikvo post la Majstro. La unuan parton de la mateno fermis s-ino Coleman, deklamanta la poemon »Preĝo sub la Verda Standardo« de d-ro L. L. Zamenhof. Post la paŭzo deklamis el siaj poemoj J. Baghy. Kun ĉarma enkonduko sian satiron prezentis K. R. C. Sturmer, nia talenta juna verkisto. S-ro Scherer bonhumore rakontis du epizodojn el siaj travivaĵoj. Pastro A. Ĉe parolis konvinke kaj sprite pri la neceseco de la literaturo. S-ro Teo Jung, ĉefredaktoro de »Heroldo de Esperanto« prezentis sian poemon, verkitan speciale por nia Literatura Mateno. S-ro Tiberiu Morariu prelegis fragmenton el sia tradukaĵo »Sonorilo kaj Kanono« de Emil Isac kaj prezentis unu el siaj propraj originalaĵoj. Por la lasta programpunkto pastro Font Giralt rakontis du anekdotojn.

Tute objektive ni povis konstati, ke nia modesta aranĝo havis plenan sukceson dank' al la talentaj prezentantoj kaj al la altnivela ĉeestantaro. La tondraj aplaŭdoj pruvis ne sole la personajn sukcesojn de la rolantoj, sed ili montris, ke la Literatura Mateno kreis tian pure esperantan atmosferon, kies efiko restis daŭre eĉ post la fino. Spontaneaj laŭdoj, entuziasmaj gratuloj atingis nin kaj ni, kun sincera ĝojo, dankas publike por la sukceso al tiuj, kiuj honorante nin per sia rolado akiris por nia afero tiun *belan matenon*. Kaj ni dankas al la ĉeestintaj gesamideanoj tiun refreŝigan forton, kiun ni ĉerpis por la plua persistado el ilia aprobo.

***Comoano***

---

## Steloj rigardas Wawelon

**Teo Jung**

*Steloj rigardas Vavelon.*
*El neimageblaj malproksimoj*
*Ili alportas trembrile alŝvebantan lumsaluton.*
*Al homoj,*
*Kiuj en silenta adorado staras atendante*
*Inter jarcentaĝaj muroj.*
*Al homoj, filoj de ĉiuj popoloj,*
*Veraj reprezentantoj de la homaro.*

*Jus forsonis la sonoj de di-mirinda voĉo,*
*Akompanita de l' akordoj de kortuŝanta muziko.*
*Gin kaptas la jarcentaĝaj muroj,*
*Giajn vibrojn animitajn ili kolektas*
*Kaj kondukas ilin supren.*
*Supren*
*Al la neimageblaj malproksimoj,*
*Supren al nekalkuleblaj altecoj.*
*Kiel reciprokan saluton de l' homoj*
*Al la trembrilantaj steloj.*

*Kaj estas,*
*Kvazaŭ la saluto de l' steloj*
*Kaj la saluto de l' homoj*
*Renkontiĝas ie en la ĉielaj sferoj,*
*Kvazaŭ la dia kaj la homa tie supre*
*Unuiĝas, kunfandiĝas,*
*Je unu solena, grandioza, sublima*
*Potencego.*

*Dio kaj Homo — unu.*
*Ho vi bela sonĝo de jarmiloj,*
*Ofte sonĝita*
*De la plejbonuloj inter la homaro,*
*Sonĝo sonĝita de Moseo,*
*De Budho,*
*De Sokrato,*
*De Kristo,*
*Sonĝo sonĝita*
*De la plej grandaj profetoj de ĉiuj tempoj,*
*Ho belega sonĝo,*
*Kiun sonĝis inter multaj*
*Nia majstro Zamenhof —*
*Jen vi efektiviĝis*
*Per la silenta potenco de l' trembrilantaj steloj,*
*Per la kortuŝantaj sonoj*
*De l' diinspirita muziko.*

*Dio kaj Homo — unu.*
*Mirinda nokto sur Vavelo,*
*Kiu nin reproksimigis*
*Al la mistera tuŝego de l' Eterneco.*
*Forsonis la voĉo kaj la muziko.*
*Disiras la homoj.*

*Sed restas*
*La steloj silente rigardantaj Vavelon.*
*Kaj — kun ili — restas*
*La Eterneco.*

## Kion vi ne scias

**K. R. C. Sturner**

Karaj samcelanoj.

Estas iom severa »testo«, kiam oni devas sekvi veran talentulon, kia mia amiko Baghy. Nu, do, mi atentigas vin, ke la manĝejo troviĝas tra la unua pordo, maldekstre ; tamen bonvolu iri *kviete*, ĉar multaj volos dormi dum mi parolos.

Mi promesis verki por hodiaŭ mian unuan poemon en Esperanto kaj mi serĉis la inspiron. Vojaĝante tien ĉi, mi rigardis la knabinojn de multaj landoj ; sed tio ne inspiris min, ĉar nenie en la mondo ekzistas pli belaj knabinoj ol en Londono — escepte ĉe internaciaj kongresoj de Esperanto. Ankaŭ mi trinkis dek glasojn da biero, sed tio ne donis al mi inspiron, nur kapdoloron.

Efektive, mi ĉiam konstante havis bonan sanon dum la tuta vivo. Nur en dudek-tria jaro la unua malsano trafis min, la morbilo. Kaj dum mi morbilis, mia amiko L. N. Newell donis al mi unufoje libron por recenzo, kaj de tiam mi konstante malsanis — je verkemo. Tamen, ĝis tiu ĉi jaro, mia dudek-oka, ne trafis min la malsano, verki poemon en iu ajn lingvo. Lastatempe, tamen, mi provis verki tion en angla lingvo, kaj ankaŭ hodiaŭ mi prezentas al vi mian unuan provon en Esperanto, prozan rezulton inspiritan de knabeto plej aminda.

KION VI NE SCIAS

*Al kvinjara esperantlingva*
*fileto de germana amiko*

Henriko, vi estas eta knabo, kvin plus iom jara,
sama kiel iu ajn knabeto, krom ke por mi viaj grandaj
bluaj okuloj kaj via eta, svelta, forta korpo escepte belas kaj
via senĝena, malkaŝa rigardo plej rekte tuŝas
mian koron.

* * *

Vi parolas nian lingvon, tute nature,
senpense, por viaj bezonoj, por esprimi simplan
senton. Ekzemple, kiam vi prenas vian
pilketon kaj ludas per ĝi, aŭ kiam vi faras
iun lertaĵon, vi laŭte krias »Rigardu min !
Rigardu min !«

* * *

Kara knabeto, oni devos instrui vin, ke estas
neĝentile tiel paroli, ke vi devas esti modesta,
kaj ne deziri, ke la homoj rigardu vin — aŭ
almenaŭ ne peti, ke la homoj rigardu vin.
Kompreneble, se en postaj jaroj vi faros ion
elstarantan, tiam vi sukcesos efektivigi la knaban
deziron de ĉiu homo. Estas tro malfrue, eltrovi
la Nordan Poluson, sed eble vi havos tempon esti
unua vizitanto al alia planedo, ekzemple Marso.
Kaj se vi mortigos vian bopatrinon, oni presos
vian bildon en la ĵurnaloj. Tamen, Henriko, mi
ne dezirus al vi tion en via sorto, ke vi havu
bopatrinon : prefere mi sugestus ke vi iĝu

verkisto en tiu lingvo kiun vi tiel bele balbutas. Tiam oni sendube invitos vin prezenti ion ĉe Literatura Mateno de la 46-a Universala Kongreso de Esperanto sur la planedo Venuso.

* * *

Generale Henriko, vi estas tre neinformita pri la lingvo. Vi ne konas mian novan vorton »etoso« kaj vi ne abonas al »Literatura Mondo«.

* * *

Ah Henriko, pri tiu lingvo, en kiu vi krietas, en publika restoracio »Panjo, ni ne devas forpreni la forkojn al hejmo«, pri la historio de tiu lingvo vi ne multon scias. Vi scias nenion pri la homo kiu ellaboris ĝin en la angoro de sia animo, neniam vi legis la korŝiran poemon »Mia Penso«. Estas nekonate al vi ke laŭ multaj personoj nia movado ne antaŭeniras sufiĉe rapide, ke oni plendas pri la nuna organizo, ke la protokolanto de mia grupo neniam pardonos min, se mi forgesos sendi al li el Krakovo poŝtkarton kun la markoj sur la bildflanko.

* * *

Ne, nenion vi scias pri tiaj aferoj. Esperanto por vi estas lingvo en kiu vi esprimas knaban deziron, knaban amon, knaban timon. Ne ĉiam vi uzas Esperanton : ekzemple, kiam Paĉjo prenis vin al naĝbanejo, kaj volis trempi vin en la malvarman akvon, vi uzis lingvon multe pli internacian ol Esperanto, vi diris »Aŭu, aŭu, aŭu,« Kaj mi bedaŭras diri, ke vi kelkfoje miksas Esperanton kaj germanan lingvon, tiel ke vi diras »Paĉjo, la kato faris trekon sur la ŝtuparo.« Ankaŭ pri via uzo de »ne devas« anstataŭ »devas ne« mi volus iom plendi, kvankam mi konfesas ke subtenas vin multaj bonaj stilistoj, kontraŭ kiuj mi jam ofte disputas.

* * *

Tamen pri tio vi ne scias. Vi ne scias, ke Esperanton oni uzis por malpaca celo dum la lasta mondmilito, kaj vi ne scias, ke oni uzos Esperanton multe pli grandskale dum venontaj militoj, kiam disŝiriĝos korpoj kaj mensoj ankaŭ de knabetoj kiaj vi. Vi ne scias ke vi vivas en mondo en kiu la homoj premas, malsatigas, torturas kaj murdas unu la alian, kie nur la forto havas rajton, kaj la sufero estas pli multa ol la ĝojo. Vi ne scias, kiel ankaŭ mi ne scias, kia estos la sorto de la lingvo en kiu vi knabe feliĉas, en kiu mi havis la ĝojon babili kun vi meze de viaj ludiloj. Sed vi scias, en tiu lingvo diri senpense la veron, en tiu lingvo esprimi vian amon al la gepatroj, en tiu lingvo volvi viajn ridojn.
Mi tre deziras, ke la aliajn aferojn vi povu neniam scii.

---

## Reĝo Rampsenito

**— H. Heine —**

Kiam Rampsenit' enpaŝis
al la ora buduaro
de l' filino, ŝi ekridis,
ridis la ĉambristinaro,

kaj la negroj, la eŭnukoj
kune ridis ; ridi devis
eĉ mumioj, eĉ la sfinksoj,
pro ridego preskaŭ krevis.

Diris la princin': »Mi kredis,
ke l' ŝteliston tenas mi jam,
sed nur mortan brakon lasis
li en mia mano tiam.

Nun mi scias, kiel tiu
pasas tra l' trezorej-muroj,
kaj de vi trezorojn ŝtelas
malgraŭ baroj kaj seruroj.

Havas li ŝlosilon sorĉan
por aperti sen perfortoj
ĉian ŝloson ; ne rezistas
lin eĉ la plej firmaj pordoj.

Mi ne estas firma pordo,
do mi cedis sen rezisto
jes, ĉi nokte trezoreton
perdis mi, trezor-gardisto.«

Tion diris ridadante
la princino kaj saltetis,
kaj eŭnukoj, ĉambristinoj
siajn ridojn ree ĵetis.

Saman tagon tuta Memfis
ridis, eĉ la krokodilo
ride levis sian kapon
el la ŝlime flava Nilo,

kiam ĝi tamburon aŭdis
kaj aŭskultis sur la bord'
legi tiun ĉi reskripton
de l' kancelari-herold' :

»Rampsenit', per Di-favoro
Reĝo super Egiptlandoj,
amsaluton sendas Ni al
Niaj karaj fidelantoj.

En la nokto de la tria
ĝis la kvara de Junio
mil tricent kaj dudek kvar
antaŭ Kristo estis tio,

ke ŝtelisto rabis de ni
grandan kvanton da juvelo
el la trezorej' ; kaj al li
ĵus prosperis rea ŝtelo.

Por ekkoni la kulpinton,
ni al la filin' ordonis
dormi ĉe l' trezor', sed lerte
ankaŭ ŝin li prifriponis.

Por ĉesigi tiajn ŝtelojn
kaj al la ŝtelisto doni
pruvon pri respekto, amo,
simpatio nia — do ni

volas, ke de nia sola
filinet' li iĝu edzo,
kaj eĉ, kiel tronhavonto,
li altiĝu ĝis princeco.

Ĉar l' adreson de l' bofilo
Ni ne konas ĝis ĉi horo,
ĉi reskripto al li portu
scion pri la reĝfavoro.

En la tria de Januaro
mil tricent kaj dudek ses
antaŭ Kristo — sigelite
de Ni — Rampsenitus Rex.«

Rampsenit' promeson tenis
bofiligis la friponon
kaj post lia mort' heredis
la ŝtelist' Egiptan kronon.

Reĝis li, kiel aliaj,
artojn kaj komercon flegis :
oni ŝtelis nur malmulte,
laŭ la famo, dum li regis.

*El la germana*: ***G. Waringhien***

# El „Mr. Tot aĉetas mil okulojn"

— **Jean Forge** —

En la halo de la hotelo *Modern* la montrilo de la horloĝo marŝas al la noktomezo. La hotelbuboj havantaj noktan deĵoron sidas dormeme en la angulo. Nur malofte eksonas sonorilo aŭ telefono. Ekstere sur la strato pluvas. De tempo al tempo ventopuŝo enblovas tra la turnpordo. Kaj la vitraj pordoj al la *Palais de dance* ektintas. Je la 11.30 la vestiblo pleniĝas je gastoj revenantaj el teatroj kaj kinoj. Poste plisilentiĝas denove.

Madame Marion de Lafond kovrita per densa vualo enpaŝas la lifton. Ŝi havas okulojn ruĝajn pro plorado. En ŝia bela vizaĝo esprimiĝas senlima timo. Ŝiaj movoj estas maltrankvilaj kaj nervozaj. Ŝia alifoje kvieta glita paŝmaniero estas hodiaŭ rapidema kaj ekscitita. Tiel ŝi paŝas laŭlonge de la longa krepuska koridoro kaj malaperas en la ĉambron 265.

Kiam ŝi ekturnis la lumkontakton, ŝi repaŝegas kun ekkrio. En fotelo sidas sinjoro, kun larĝaj ŝultroj, kun malbela bruta vizaĝo grimacita je aĉa rideto. Super la masiva kranio la flavruĝaj hirtaj haroj estas rekombitaj. La oreloj flanken elstaras. Liaj okuloj estas pikantaj, malicaj. Li similas al ia inkuba figuro.

Dum momento strikas la fortoj de la virino. Ŝi pensas ke ŝi vidas fantomon. Poste ŝi eligas terurite : »Jacques !«



*Eugenjus Morawski*:
*Portreto de la negro Bouleme*

Monsieur de Lafond ŝajnas amuziĝi pri la teruro de la virino. Li levas sin malrapide, tenante unu manon en la poŝo : »Jes, jen estas mi ! Denove freŝa kaj sana, mia kara !« li diras moke.

Dum sekundoj ambaŭ homoj staras unu kontraŭ alia : la virino tremanta tutkorpe kun teruro en la okuloj, la viro rikananta kun malamaj malicaj rigardoj. Okazas simile kiel sur scenejo, kie prezentiĝas la lastaj scenoj de nervostreĉa dramo. Ŝajnas ke en la aero ŝvebas eksplodonta dinamito.

»Mi bedaŭras,« li diras moke, »ke mi dolorigis viajn delikatajn nervojn per mia subita alveno. Bonvolu trankvile sidiĝi ! Verdire mi trovas vian salutmanieron iom malvarmeta. Edzino, kiu vere amas sian edzon ĉirkaŭbrakos lin salute, hahaha !« li ekridas henante.

»Kion vi volas ankoraŭ de mi ?« demandas la pala virino kaj rigardas lin en kreskanta timo per grandaj rigidaj okuloj.

Jacques denove faligas sin en la fotelon. Lia vizaĝo montras ruzan malican esprimon. Lia mano lude turnas malgrandan monoklon je silka ŝnuro. Li mezuras la alte rektiĝintan figuron de Marion per aroganta rigardo : »Kion mi volas de vi, karulino ? Mi mem ankoraŭ ne scias precize, hmm. Tiel do aspektas edzomurdintino !«

Marion ektremegas. Subite ŝi fleksas la genuojn, faletante teren. Ŝiaj okuloj pendas kvazaŭ hipnote je la bruta vizaĝo de la viro. Ŝi ne kapablas eligi vorton.

»Beleta rafinita plano, kiun vi elcerbumis, haha ! Nur vi ne kalkulis pri mia ursa organismo, kiu digestas beletan porcion da veneno. Vi iom erarkalkulis, karulino. Malgranda movo de mia montrofingro sufiĉas kaj vi flugas en malliberejon, haha ! Nun vi kuŝas kun via talentaĉo kaj rigardaĉas min kiel malsana fiŝo . . .«

Jaques leviĝas. Li haltas antaŭ la virino, larĝe disstarigante la piedojn, tenante la manojn en la poŝoj kaj rikane ĝuas la senhelpecon kaj timon de la malfeliĉa estaĵo.

»Malica abomeninda serpento !« li elsiblas malame. »Senhonta virinaĉo ! Haha, jen kia bonega ideo, min veneni. Neniu estus suspektinta ion, ĉion vi preparis tiel ruze, ke mi ne povas malkonfesi al vi mian admiron. Sed kiam la afero tamen lastmomente malsukcesis, vi forkuris. Kiel ridinde estas kredi, ke iu povus saviĝi kontraŭ mi. Ĉion mi scias. Nur malfacile mi sukcesis deturni la suspekton de la polico de vi. Sciu, ke mi mem punos vin inde, hehe. Mi mem juĝos vin kaj kondamnos vin, ĉu vi komprenas ?«



*Janina Konarska: Pejzaĝo*

Monsieur de Lafond ekmarŝas kelkajn paŝojn tien kaj reen. Li ekhaltas antaŭ malgranda portreto staranta sur la skribotablo: »Aha, tiel do aspektas tiu amerikano, pri kiu raportis miaj detektivoj, haha! Ne malbela bubo, tute ne malbela, eĉ akceptebla. Vi ŝajnas elmontri bonan guston. Eble vi eĉ amas lin, he?...

Nun la virino levas sin. Subita furiozo ŝajnas doni al ŝi novan rezistemon. Kun malame fajrerantaj okuloj ŝi rigardas la vizaĝon de la edzo kaj krias: »Jes, mi amas lin, mi amas lin tiom, kiom mi malamas vin! Vi ne estas homo, vi estas besto. Jes, mi malbenas la momenton, kiam la kuracistoj resavis vian vivon. Prefere marŝi en malliberejon ol plu vivadi kun vi. Mi ne pentas mian agon. Mi malamas vin, malamas vin...!«

Jaques, dum la pasia eksplodo de la virino, pugnigas la manon. Ŝajnas ke li volas ĵeti sin kontraŭ ŝin. Sed poste rikano grimacas lian vizaĝon: »Trankviliĝu, karulino, ne tiel laŭte! La tuta hotelo povas vekiĝi kaj alkuri, por vidi la faman venenistinon, la belan sinjorinon de Lafond, kiu adultas sian edzon per amerikano. Sed mi ne kontraŭas, se plaĉas al vi, kunpaku nun viajn aĵojn kaj iru al li, mi petas vin!..« li faras mokan invitan geston al la pordo.

Sed Marion ne moviĝas. Ŝi staras senvorte, tremante tutkorpe. Jaques ĵetegas la portreton antaŭ ŝiajn piedojn. La vitro de la kadro disrompiĝas.

»Hahaha,« li henas triumfe, »se tio estus tiel simpla afero, ĉu ne? Sed jen ekzistas ankoraŭ la poico, kiu vin pelos denove en miajn brakojn. Kion dirus tiu amerikano, se li scius ke li societumas kun murdistino? Li ja ne fermus okulon dumnokte, ĉar konstante li timus, iun matenon malvekiĝi kiel kadavro, haha! Kompreneble, ĝis kiam mi volos, mi detenos la policon de ni, ĉar mi kredigas ilin, ke mi mem volis mortigi min, haha! Kia ideo... nu, kion do vi nun rakontos al mi, he?...«

Jacques alpaŝis la virinon tute proksime. Liaj flavruĝaj haroj hirtiĝis sur lia kranio. Liaj pikantaj okuloj boriĝas en la malvarman rigidan vizaĝon de la virino obstinanta nun en muta rezisto. Ŝiaj okuloj fajreras malbonaŭgure, kiel malicaj okuloj de katino.

»Kion vi nun rakontos al mi, virinaĉo?« Jacques elsiblas en kreskanta furiozo. Ŝia malvarma silento incitas en li danĝeran fajron. »Respondu! Kion vi nun rakontos al mi?...

Marion repaŝas esprimante naŭzon, sed nenia vorto venas tra ŝiaj vibrantaj lipoj. Monsieur de Lafond elpoŝigas malrapideme unu manon. Li ekprenas fulmrapide ŝian brakon kaj ĵetas ŝin kun blasfemo planken.

»Atendu nur, vi, ĉasta knabino!« li diras kaj eltiras el post la tablo vipon, »obstinajn infanojn oni devas puni! Haha!«

Marion kuŝas surplanke. La unua vipa bato sible tranĉas la aeron. Ruĝa strio aperas sur la dekoltita dorso. Marion ekkrias pro doloro. Larmoj de furiozo plenigas ŝiajn okulojn.

»Bestaĉo!« ŝi plorkriegas. Ŝi kurbigas sin kiel eksaltonta tigro.

Sed Monsieur de Lafond kun fimoka rido eksvingas la vipon denove. Li estas barbara en sia venĝemo. Marion penas leviĝi. Piedbato refaligas ŝin planken. Nun ŝia mano elprenis el la mansaketo falinta de la renversiĝanta tablo teren, malgrandan revolveron. Ŝi ŝajnas esti preta je ĉio ajn. Jacques en blinda furiozo denove atakas ŝin. »Kion vi nun rakontos al mi? Kion vi rakontos al mi, he?« li krias en bruta krudeco.

En tiu ĉi momento okazas io neatendita. En la ĉambro staras, kvazaŭ elteriĝinta, Mr. Tot. Li estas pala. Per superhoma forto li malfermis la pordon. Sur lia frunto elstariĝas la vejnoj. Liaj okuloj febre brilas. Marion kuregas al li. Ŝi ĉirkaŭbrakas liajn kruroj n.



*Slendzinski: Kompozicio*

# KONTRAKTO

**Dragutin Ilich—Jejo**



Ne povas esti alie: Gligorije Martinoviĉ estis aŭ Likano aŭ Hercegovinano. Malgrasa, altkreska, kun tubera kartilago sub la mentono, li staris kun la ceteraj en la amaso, tenante la manojn en la poŝoj kaj senĉese farante incitetajn rimarkojn:

— A... facile al vi, virinoj!... Vidu kiel oportuna vi estas, etulino! Vin ĉiu prenos! Sed kiu prenos la vilan Gligorije'n Martinoviĉ?!... Neniu, lia gento ja malpurigas!...

Nun Gliŝa ankoraŭ pli movis siajn hirtajn brovojn super la profundaj okulkavoj, en kiuj fore silentis du nigraj okuloj kaj ekkraĉis flanken, dum la vento akre tranĉis lian rostumitan vizaĝon, frostan kaj malhelan.

Al lia rimarko neniu ion diris. La amaso de senlaboruloj staris trankvile, atendante sian sorton ankaŭ ĉi tiun tagon. Oni devis plue staradi en la terure malbona vetero, ĝis kiam fermiĝas la vendoplaco, por ke venu tiuj, kiuj bezonas laborforton. Kaj ĉi tie estas ja tiom da laborforto kiom »ĉe Dio«. Jen tiu Gligorije Martinoviĉ tuta sin metas al via dispono; nur signon donu al li kaj li iros kun vi laŭ via plaĉo. Kaj la tutan tagon li al vi obeeme laboros ĉion, kion vi volas. Li ne konas ian specialan metion; la tuta metio, ĝi estas liaj vejnozaj kaj kalaj manoj, liaj senlacaj piedoj, lia korpo... seka, sed pura, pura osto, per nenio infektita kaj kelkaj manplenoj da sango, same pura, varmega kaj ruĝa.

Sin, tutan sin proponas al vi Gligorije Martinoviĉ kaj ĉion ĉi tion vi povas uzi laŭ via volo.

Sammaniere vi povas procedi ankaŭ pri la »etulino«, kiun ĵus moketis la malsatiĝinta Gliŝa kaj kiu staris apud li sur la vendoplaco la tutan tagon, seninterese aŭskultante liajn klaĉajn petolojn kaj incitojn, rilatantajn tiom al tiuj, kiuj sin ofertadis al laboro, kiom al tiuj, kiuj venadis »por elekti«.

— Almenaŭ vin ke mi povu ekspedi de ĉi tie! — diris Gliŝa post la unua rimarko. — Sed neniu vin volas, jes! malgranda vi estas, malgranda kaj vi ne povas altiri! Se vi posedus almenaŭ iomajn koksojn, mizerulino, eble vi forirus, eble vin iu prenus; e, sed vi estas mokitaĵo kaj devas peresdi ĉi tie kune kun mi!... e, je mia honoro, Anĝa edziniĝu kun mi, por ke ni estu du blinduloj!

Sed tio jam estis nek sprita nek malĝoja. En la amaso regis plua silento, plena de malamo al la vivo kaj al la homoj, kiuj trankvile preterpasadis ĉi tie laŭ siaj negocoj, ne atentante la perdiĝintojn kaj forgesitojn.

— Aha, ha — ĉi tie ekridos ja la diablo mem!... Vivaj, aŭtentikaj homoj, nefalsitaj, tute tutaj alvenis por sin vendi kiel varoj kaj eĉ malpli ol tio: kiel sklavoj! Sed ili sukcesas pli malbone ol malnovaj, forjetitaj ĉifonaĵoj; malofte iu turnas sian kapon al ili, ĉiuj diras: se ili iom valorus, ili ja estus jam forvenditaj!

Kaj tiel al la honto de la tempo ili fariĝis kvazaŭa balaaĵo!

Sed tamen kelkiuj serĉas ankaŭ tian laborforton, tiujn, kiujn la ventoj vipas de ĉiuj flankoj, tiujn, kiuj estas pli malkaraj ol ĉiuj ajn homoj en la mondo!

Ĝuste antaŭ la tagmezo, kiam la vendoplaco fermiĝas, alvenis viro en dika mantelo, ege nutrita, — kvazaŭ li sin preparus fariĝi ies buĉaĵo, — kun astrahana ĉapo sur la kapo, de aspekto manĝegema; ĉar oni ja vidis, ke li per sia rigardo kvazaŭ glutas la tutan mondon; — li sin lokis iomete flanken, observante tiujn, kiuj ofertis sian forton al sklaveco.

Gligorije Martinoviĉ ankaŭ ĉifoje mokdiris: — ĉi tiu estas unu el tiuj, kiujn ni atendas!... Palpu, frato, ĉe la harligo, palpu!... E, Anĝa, se ĉi tiu vin ne forprenos, neniu tion faros! Rigardu, kiel bele vin flaras lia hundo! Ĝi divenis, ke vi estas brava ino, vilaĝa infano, ankoraŭ nedifektita, netiklita de vira mano! Anĝa, »je mia kruco«, jen la mastro paŝas ĵus al vi!

La viro en la dika mantelo, kiun sufokadis la troa sango, pro kio li ĝemis sub sia propra korpaĵo, vere sin direktis tien, kie staris Gliŝa kaj Anĝa, sed ne al ŝi li turnas sin; male, li metas sian manon sur la ŝultrojn de alia knabino. Kaj sammomente, kiam li estis alparolonta la knabinon, Gliŝa lin ekprenis ĉe la mano!

— E, se vi estas kristano kaj se vi kredas Kriston, turnu vin al ĉi tiu nia flanko!... Tiu knabino ĝis hieraŭ estis en la servo... ŝi havas ankaŭ kelkajn »bankojn« kaj ŝi ne suferas tian mankon, kiel ĉi tiu, Anĝelija! Prenu Anĝa'n, »al Sabaoto«! Prenu ŝin. Rigardu, kiel modesta ŝi estas, kiel hirundeto kaj malsata, malsata, kiel vermeto en la ŝtono!... E, prenu ŝin, »je Mahometo«, se vi ne estas kristano.

La viro kun eskima vizaĝo, por signo de bedaŭro, levas la manon, dirante:

— Ne miksu vin en fremdajn aferojn!

— Ĝi ja ne estas fremdaj aferoj, mastro! Ĉio, kio estas ĉi tie sur la vendoplaco, sur la pavimo, ĉio apartenas al la okupado de ni ĉiuj, kaj al ni ĉiuj estas permesite oferti varon kaj fiksi prezon! Vidu frato, ĉi tiu infano servos al vi duone pli malkare ol la knabinaĉo, kiun vi ĵus favoris! Prenu Anĝa'n — »ĉe via religio«.

---

## *Post dek jaroj*

*Abiturienta datreveno en la piarista gimnazio*

En urbomezo konstruaĵo blanka:
De la sciencoj nobla citadel'.
Sur ĉio la severa stampsigel'
De l' pastra disciplin' ne amo-manka.

Mi venas ŝtele el la strato flanka
Kaj al la sunaj vitroj de l' kapel'
Rigardas mi (en mano la ĉapel').
Genui emus mi kun pio danka.

Filtriĝas tra l' aer' orgena zum'...
Refloras la memorojn nun anime
L' antaŭdekjara lasta Tedeum'.

Kaj tamen, mi hezitas kvazaŭ time.
Jen, laste min salutas deproksime
La por eterne foriranta Jun'.

*Ludoviko Totsche*

La dikulo ekridetis ; lia hundo, entuziasme siblante, komencis grimpi sur Anĝa'n, por ŝin flari kaj leki. Gliŝa kontente ekrikanis kaj klinante la kolon sur la ŝultrojn diris :

— Vi jam ne povas forkuri, mastro, kiam ankaŭ la hundo eksentis, ke Anĝa estas trezoro!... Etendu la manon, por ke ni akordiĝu!

— Ĉu vi konas ĉiujn mastrumajn laborojn? — ekparolis subite la dikulo turnante sin al Anĝa.

— Sed ĉion scias ĉi tiu infano! — ekkrietis Gliŝa. — Nu, donu la manon!... Vi pagos al ŝi tridek »bankojn«, pomonate, donos al ŝi panon kaj veston kaj.. via ŝi estas!

— Multe! Por tia sumo mi ja povas ricevi Totica'n de cent kilogramoj!

— Jes, ke vi povas, sed ŝi ne estos tia laboregantino! Rigardu nur ĉi tiun Anĝa'n! Ŝi kapablas ekgenui sur la plankon frumatene, frotante ĝis kiam la sango elfluos el ŝiaj manoj kaj genuoj!... Kaj tio estas, frato, neaŭdebla beno! Prenu Anĝa'n, vi ne pentos!

— Multe... Mi donos al ŝi dekkvin bankojn.

— Oj dio! — ekĝemis Gliŝa. — Ĉu tia knabino por tia mono?! Oni ja devis ŝin naski, frato, finluli, finsuĉigi, erektigi, altabligi kaj nur poste sendi sur la straton... Dekok foje ducent da panbuloj ŝi formanĝis al la patrino kaj kial ŝi nun estu tiel malkara?! Sed, ke mi diru al vi ankoraŭ unu : Donu dudekkvin bankojn!

— Multe! Oni ja devas ŝin nutri, frato! Iru kaj demandu, kiom kos'as salo kaj viando, lakto kaj sukero!

— Hm, sukero, — primeditas Gliŝa. — Vi ŝin grasigos per sukero, ĉu? Ŝi alkutimiĝis al veneno, ne al sukero!... Nur panon vi donu al ŝi, panon, nigran kaj neretitan kaj ŝi estos al vi danka por eternaj tempoj!

La mastro kun la peltĉapo denove metas manon sur la knabinon de cent kilogramoj, sed Gliŝa lin ekkaptis firme ĉe ambaŭ manoj kaj lin returnis.

— Ne lasu Anĝa'n, he, mi vin petas! Jen ankoraŭ unu vorto : Prenu ŝin por dudek bankoj!

— Sed kiel vi obeas, a? demandas nun la viro de cent kvindek kilogramoj.

— Bone mi obeas, mi scias ĉion labori, — apenaŭ sin anoncis Anĝa, kiu tremis pro la frosto, kovrante la manojn sub ruĝa ŝaleto.

— Kaj kial vi forlasis la antaŭan mastron?

— Ah, neniajo, frato! — denove ekparolis Gliŝa kaj ĉirkaŭrigardante, ke neniu lin aŭdu, li flustris al la eskimo en la orelon : — Pridubis la mastrino kvazaŭ la knabino havas aferojn kun la mastro, sed ŝi ne havis, ĉe mia honoro, ŝi ne havis! Suĉinfano, ankoraŭ, virga kaj malsaĝa kiel ŝafido! Prenu ŝin, mastro, vi ne pentos!

La hundo konstante grimpis sur Anĝan kaj bojetis...

Krom la cetero, ankaŭ ĉi tio ŝajnis plaĉi al la eskimulo kaj li deklaris :

— Bone, ni iru!

Nun Gliŝa sin turnas al Anĝa, dirante al ŝi rapide kaj akre, ke neniu aŭdis :

— Atentu nun, kion vi faras! Se antaŭe ankaŭ okazis io malinda, nun vi ĝin interrompu kaj estu honesta!...

Kaj ekridante li aldonis laŭte :

— Kiam vi iros al la vendoplaco, preterpasu ankaŭ ĉi tie, Anĝa, por ke vi vidu, ĉu oni ankaŭ nin aĉetis, ke ankaŭ ni foje endomiĝu!

El la serba : *J. Stefanĉiĉ*

---



# OBSERVO

### *DANIEL DEFOE**

En la memorjaro pri la morto de la aŭtoro de *Robinsono Kruso* estas dezirinde ion rakonti pri li. *Daniel Defoe* naskiĝis en 1659 aŭ 1660 en Londono kiel filo de buĉisto *James Foe* (en 1703 Daniel ŝanĝas sian nomon je Defoe). Komence li estis komercisto (lanajoj), kaj poste posedanto de tegolfabrikejo en Tilbury. En 1695 reĝo Vilhelmo III. de Anglujo nomas lin sekretario de la komisiono pri la importo de glaso. Post mallonga tempo li publikas broŝuron pri bankoj, administrado, asekuroj k. t. p. Dum la lastaj jaroj de la reĝo, li ĉiam denove estas defendanto de »La Fremdulo« (Reĝo Vilhelmo III. estis nederlandano, kaj pro tio la angla poeto Tutchin verkis poemon »La Fremdulo«), kaj li skribas satiron »La tutvera anglo« (The true-born Englishman), en kiu li nomas siajn samlandanojn »raso de bastardoj, naskiĝinta el la ŝaŭmo de Eŭropo dum ĉiuj jarcentoj«. En 1702 li eldonas broŝuron pri la batalado en la angla eklezio. Sed tion oni ne toleras kaj Daniel Defoe estas metata en malliberejon. Eĉ oni punas lin per la pilorio, sed tiu ĉi punmaniero preskaŭ similis honoradon, ĉar la popolo, kiu tre amis Defoe'n, donis al li frandaĵojn, kaj jetis sur lin florojn. Okaze de ĉi tio li verkis sian »Himnon al la Pilorio« (1703). Ankaŭ en la malliberejo li verkis plurajn pamfletojn. En februaro 1704 li eldonis la unuan ekzempleron de »La Revuo«. Tiu ĉi estas kun »Observator« de Tutchin kaj »Rehearsal« de Leslie unu el la unuaj gazetoj en Anglujo. Ĝi enhavas pritraktojn de ĉiutagaj problemoj kaj aliajn sciigojn. Post kiam li estis liberigita en novembro de 1704, li publikis en 1705 broŝuron »The consolidator or memoirs of sundry Transactions from the world in Moon« kaj eble tiu ĉi broŝuro donis materialon al Jonathan Swift, kiu verkis »La Vojaĝojn de Gulivero«. De 1706 ĝis 1719 li laboras en diversaj politikaj kaj jurnalistaj funkcioj. Tiam en 1719 li eldonas la unuan parton de »Vivo kaj mirigegaj aventuroj de Robinsono Kruso de Jorko, maristo, rakontitaj de li mem«, ĉar tio estas la kompleta titolo.

Estas konate, ke la prototipo de Robinson estis iu Aleksandro Selkirk, filo de ŝuisto en la vilaĝo Largo en Skotlando, kiun Defoe renkontis en Londono en 1711 (?). Dum la lastaj jaroj oni sukcesis konstati per detalaj esploroj, ĝis kia grado la rakonto de Defoe estas laŭvera. Dum sia juneco Robinsono estis kvazaŭ »besto«. Iun tagon li mortigis fraton, kiu frenezetis. Post kelka tempo Aleksandro estis malaperinta, li sekvis la deziron de sia koro kaj estis irinta maron. La unua vojaĝo nur daŭris mallongtempe, ĉar post kelkaj semajnoj li rehejmiĝis. Sed dum la dua li travivis siajn grandajn aventurojn. Defoe

* Lastmomente ricevitan interesan *novelon* pri DE FOE ni devis lasi pro lokmanko por la sekva numero.

rakontas, ke Robinsono pro ŝiprompo venis sur la insulon, sed tio estas nevera. Liaj samŝipanoj ne volis havi lin pli longe sur la ŝipo, kaj postlasis lin sur neloĝata insulo, nome sur Juan Fernandez (Sud-Ameriko). Ankaŭ Robinsono ne estis 30 jarojn sur la insulo, kiel rakontas Defoe, sed nur 4 jarojn plus 4 monatojn. Post multe da vagoj kaj aventuroj, Aleksandro (aŭ Robinsono) iun dimanĉmatenon alvenis en Largo'n. Liaj gepatroj estis en la preĝejo kaj Aleksandro ankaŭ iris tien. La stranga viro vidis sian patrinon kaj eksidis tuj apud ŝi. Patrino Selkirk nenion alian pensis, ol ke ŝia filo jam delonge mortis. Kaj nun ekvidinte lin, ŝi elbuŝigis longan krion. La diservo tute malordiĝis, ĉar ĉiu volis paroli kun li. Pro la longa restado sur la insulo tamen, neniam vidante homojn, li fariĝis homevita. Estonte li pasigas sian tempon fiŝkaptante. Malantaŭ la domo de siaj gepatroj li konstruas kabanon, tute el tabuloj, en kiu li vivas. Iun tagon li neatendite konatiĝas kun knabino, kiu paŝtas la bovojn de sia patro, kaj kiu nomiĝis Sofio Bruce. Kun ŝi Aleksandro edziĝas, sed post kelkaj jaroj Sofio mortas, kaj tiam Aleksandro por ĉiam malaperas el la vilaĝo.

Jen kelkaj historiaj donitaĵoj pri la mondfama libro. La eksterordinara sukceso de la libro montriĝis el la multaj tradukoj (i. a. en Esp. (mallongite) de la Lingva Komitatano H. J. Bulthuis, eld. Thieme-Zutphen-Nederlando 1928). Dum kvar monatoj aperis kvar eldonoj de la libro kaj post kelkaj monatoj Defoe publikis la duan parton.

Defoe tre multe verkis, lia verkaro enhavas ĉirkaŭ 250 titolojn, sed ĉiuj estas forgesitaj, krom unu. Li mortis je la 26a de aprilo 1731 en Monsfields kaj estas entombigita en Bunhill Fields.

*Joh. Hartog.*

# RECENZO



*Ĉiujn librojn, ricevitajn en du ekzempleroj, ni recenzas. Unuope ricevitajn librojn ni nur mencias. — La recenzoj esprimas nur la opinion de la recenzinto kaj ne tiun de la redakcio. Pro tio la redakcio tre volonte publikigas interesajn kontraŭopiniojn, koncernantajn iajn aperintajn recenzojn. — La libroj, ĉi tie menciataj kaj recenzataj, estas haveblaj ĉe la librofako de nia eldonejo.*

*Hermann Haefker:* JARMILOJ PASAS. (Eld. Heroldo de Esperanto, Köln. I. II. vol. 500 p. duonlede bind. 23×16 cm. Prezo: en du apartaj volumoj po P. 12.75, en unu volumo P. 22.50.

Kara Amiko, certe vi ne forgesis, ke antaŭ tagoj ni staradis kune en la stacidoma halo de la hungara ĉefurbo. Antaŭ semajnoj vi ne konis min kaj mi ne konjektis, ke la sortvagonaro alportos al mi amikon. Kaj jen, ni jam adiaŭis. Ni malgranduloj staradis, paroladis apud la giganta lokomotivo, — simbolo de la preciza, ne kontraŭstarebla forto — kaj unu minuton antaŭ via forvojaĝo okazis, ke vi alrigardis min, miaj okuloj, la lensoj de mia koro faris eternan fotografaĵon pri vi; viaj sentoj etendiĝis la manojn al mi kaj la sama sento igis min por ĉirkaŭbraki vin. Tiu sento klinigis vian kapon al mia vizaĝo kaj tiu sento bruligis lumon en miaj okuloj. La ekstera vizaĝo de la mondo restis la sama. El la stratoj enflugis la brua pulsado de la grandurbo, interne pafpafadis la lokomotivo kaj kuradis la homoj. Ĉu vere, nenio okazis? Sed jes. Du viroj, sincere, amike alrigardis unu la alian kaj stimulite de sincera, honesta, ne sentimentala, frata amo, ili interkisiĝis. Du koroj, — norda kaj suda retrovis sin, retrovis iun perditan kaj en tiu momento mi eksentis, ke ni esperantistoj vere povas solvi la mondproblemon, ke en nia agado pintiĝas la mondhistorio. Mi scias, ke uragano minacas nin. Povas okazi, ke la kompatinda mondo jardekojn trabaraktos en la sufertorento, sed ni jam vidas, sentas malantaŭ la elektrizitaj nuboj la esperstelon, la mondon de la nova homo. Hodiaŭ ankoraŭ densa nebulo klopodas blindigi nin, ni nur palpadas, sed ni scias, ke ni povas iam jubili en freŝa, ora sunbrilo.

Kara Amiko, kies ĉirkaŭprenantan geston interna devigo diktis, vi bone komprenos, pro kio mi havis specialan plezuron, legante la mondhistorion de H. Haefker. Jarmiloj pasis kaj pasos, sed en la ordo de la okazaĵoj certe havas signifon la tempo, kiu maturigis la esperantismon kaj — la esperantisman mondhistorion. Jen nova mondhistorio, aŭ vere nur longa historia traktato, kiun esperantisto verkis esperantlingve kaj — esperante. Vi jam komprenis min, sed mia konscienco devigas min paroli pri la libro, kies apero estas gravsignifa el niaj, el ĉiuj vidpunktoj. Mi klarigos la ekirpunkton, la pensmanieron de la verkisto, por ke ĉiu vidu, kiu havas okulojn kaj ĉiu aŭdu, kiu havas orelojn.

Antaŭ ĉio: Hermann Haefker estas esperantisto, laŭ la plej inda senco de la vorto. La cito de la Zamenhof-a himno: »En la mondon venis nova sento...« flugas el lia buŝo majeste, krede, nature, himne. Tiun novan senton Haefker kredas kaj scias, ke tiu nova sento, kiu »lastsignife estas tutmonda paco« iam purigos la mondon. La historio de la homaro ne estas fiera verko, male: malgaja kroniko de la homaraj malsanoj, el kiuj ni devas resaniĝi. Antaŭ kelkaj jaroj aperis la mondhistoria skizo de Wells, kies ekirpunkto similas al tiu de Haefker, sed nian libron nur esperantisto povis verki: kun tiom da konscio, optimismo, volo nur esperantisto povis rigardi la moralon de la pasintaj jarmiloj, ĉar antaŭ li ĉiam »briletas la stelo, al kiu kuraĝe ni iras...« Mi ne riproĉas, nur konstatas, ke la libro ne estas mondhistorio, nur historia traktato, laŭ la menciita ĉefprincipo. Samtempe mi konstatas kun la plej alta ĝojo, ke la aŭtoro neniam perdas la vojon kaj la ĉefprincipon en la labirinto de la homestinto. Multfoje mi ne scias, pro kio miri? Pro la simpla kompreneblеco, de kiu ni estas ĉiam regviditaj, dum unu minuto, al la ĉefa vojo, al niaj grandaj problemoj, aŭ pro la memkomprenebla, romaneca, aktuala rakontadmaniero, kiu alterne antaŭas, sekvas la klarigajn, konsekvencajn partojn. Tiuj du paralelaj vojoj karakterizas la libron, kiun verkis homo, bonŝanca miksaĵo de la raportisto kaj analizisto. Foje li sorĉis min tiel fundamente en la praepokon, ke venis al mi la groteska ideo: jen H. Haefker, ĉefkunlaboranto de la praepoka »Ŝtontrumpeto«. Mi ne devas konvinki la Leganton, ke sub mia paradoksa penso ne moko kaŝas sin, tute male: — laŭdo. Vivas jam la titoloj de la artikoloj: »Perdita paradizo,... Restoj rakontas... El oriento lumo... Babilono degeneras... La dramo de l' antikva Oriento... ktp. ktp. Intence mi citadas la titolojn de tiuj ĉi ĉapitroj, ĉar ili, ĉu titole, ĉu enhave, plej akran konturon montras pri la maniero, per kiu la aŭtoro vivon spiras en la mortintajn homojn, okazaĵojn, movadojn. Kaj tiu raporta maniero ne malseriozigas la verkon, nur intereson vekas kaj kontinuigas ĝin eĉ por la laikulo. — Mi havas ankaŭ iom da riproĉo; mi bone scias, ke la historio de la malgrandaj nacioj preskaŭ tute epizodiĝas en la Histori-oceano, sed tamen, kial ne konservis la aŭtoro almenaŭ la nomon de Hungarlando, kiam li parolas pri la mondmilito? En la nomo de la Monarkio ankaŭ Hungarujo enestis. Komprenеble, tiu riproĉeto ne tuŝas la esencon kaj malmulton detiras el la valoro de la verko la dua riproĉo: ke kelkloke antaŭenpaŝas nova persono: Haefker, la poeto, kiu prefere okupas sin pri aperaĵoj »à posteriori«, ol ekonomiaĵoj »à priori«. Nur tiaokaze li perdas la kontakton por momentoj al la leganto, sed tio okazas tre malofte kaj la ekvilibron reigas la granda virto de la verko: la ne pridubebla edukefiko. Kaj kiam li alproksimiĝas al nia zigzagvoja epoko, malaperas mia riproĉeto kaj tute krist-

ale formiĝas la okazaĵoj, kun siaj motivoj kaj konsekvencoj. Fine ni alvenas la lastajn paĝojn kaj ni sentas, ke ni ekkonis en la aŭtoro, noblan batalanton de la monddemokrateco, kiu devas triumfi per la armiloj de la scio. Kaj scion donacas al ni tiaj verkoj, kia estas la libro, pri kiu mi skribis la suprajn vortojn.

*Szilágyi.*

*Kolomano Kalocsay:* STRECITA KORDO. Poemaro. Formato 13.5×20 cm. 196 paĝa. Prezo broŝurita oraj pengoj 4.50, bindita oraj pengoj 6.50. Aldonu 10% por sendkostoj. Eldonis Literatura Mondo, Budapest.

En trankvila horo dum la Budapeŝta Kongreso, du el la plej bone konataj reĝoj de Esperantujo komencis diskuti la Esperantan poezion. Kun granda plezuro ili trovis sin samopiniaj: la unua kaj lasta poeto estis Zamenhof; la modernaj rimistoj estas lertaj, sed tro laŭdataj, kaj ili produktis entute nur du-tri versaĵojn kiuj meritas la klasigon: poezio. Plorinde estas, ke tre multaj, kaj famaj kaj nekonataj, partoprenas tiun opinion.

Por ili, la filistroj, ne estas poezio en *Preter la Vivo*, ne estas en *Mondo kaj Koro*, nek en *La Tajdo*, nek en *Pilgrimo*. Nun ni havas novan ateston en *Strecita Kordo*, kaj mi preskaŭ esperas konvinki ilin. Sed ĉu eble? Ĉu la homoj kiuj restis senemociaj antaŭ »Iras Abiturient«, »La Luna Ebrio« — aŭ »La Aperitiva Horo« —, ĉu ili kapablas konvinkiĝi? Nu, se *Strecita Kordo* ne sukcesas pruvi al ili, ke estas ankoraŭ poetoj en Esperantujo, nenio povas.

Dum papilia trafoliumo de la volumo, unue oni estas frapita de la preskaŭ nekredebla lerto teknika, de la senpena, kompleta mastreco super la lingvo. Kelkfoje mi eĉ sentas, ke tiu lerto mastris la poeton — ekzemple, en la verso

»Flugu la flagre festaj fajrofloroj!«

Poste, eĉ al ni, kiuj multjare fleksis la lingvon por esprimi samtempe emociojn profundajn kaj kolornuancojn efemerajn de l' animo, eĉ al ni venas miro silenta, ke la lingvo povas tiom esprimi, tiom melodii. Estas provo tre instrua, analizi la rilaton inter tekniko kaj emociefiko en poemoj kiaj »Renkonto al la Luno« kaj »Kongresa Runo«. Tie ne estas floranta, sensignifa virtuozeco; ĉiu eĥanta rimo, ĉiu sonora frazo, ĉiu martela aliteracio, estas nur rimedo. Ĉio servas por atingo de la celo — la mirakla sugestio pri profunda emocio aŭ magia sentimpreso, per signifo, per sono, per ripeto, per koloro. Kvankam Kalocsay ne ĉiam atingas sian celon, tamen plej ofte li fulme komunikas al ni la unikan travivaĵon — kaj la miraklo de l' poezio efektiviĝas denove.

Kelkaj el la poemoj tie ĉi estas jam bone konataj. Ekzemple, »Iras Abiturient« en kiu ĉiu el ni kalkulas sian malmultan bonfaron kaj sian perfidon al la revoj de l' juneco.

Sed estas tie ĉi aventuroj de l' spirito al mi novaj. En »Efemere« ni vojaĝas tra la spaco, ni entenas la tutan vivon; Kalocsay fariĝas la simbolo de l' Homo, kiu per sia konscio kaj sia penso Die kreis la universon. Kaj »Sunsubiro« jam de la unua verso sentigas al ni timan maltrankvilon: »Jam iĝis kupro la tagmeza or'...«

Li ŝanĝas sian humoron — kiom ofte! Jen en »Kanto de Vagabondo« li kantas la freŝan melodion de sendomulo, promenanta tra verda mondo. Jen en »Maja Idilio« li estas romantika amanto, dancanta en printempa bosko, kantanta kiel faŭno. Li moke, sprite pikas la senkomprenajn kritikistojn en »Veoj pri la asonanco« — ĉi tiu estas nova, gaje satira Kalocsay. Kaj en silento ni aŭskultas la lume paganan himnon al la Diino de l' Amo en »Duopa Psalmo«, kiun eĥos ĉiuj geamantoj kiuj kuraĝas vivi korpe kaj anime. Sur ĉiu paĝo estas nova revelacio.

Oni fine demandas sin, ĉu tie estas unueca personeco, aŭ nur eĥo, ĥameleona spegulo por ĉiuj koloroj kaj lumeroj de la mondo. Oni ne scipovas respondi, ĝis kiam oni trovas la elkoran amaron kaj ŝtalan spiton de »Renkonto al la Luno«, kaj la aman komprenon de l' malforto kaj ofera doloro en »Patrineco, kaj la karesemon kiun elspiras aliaj poemoj. Fine, ni konstruas al ni bildon de homo forta, saĝa, kiu multe suferis kaj komprenas la suferon; kiu kompatas kaj amas la homon, la senfortan stultan homon, kaj pro li estas preta almiliti la blindan ĉielon mem. Renkonti tian homon, se nur pere de liaj poemoj, estas neforgesebla travivaĵo.

Kun escepto de »Kongresa Prologo« (Oxford) kaj »Th. Cart mortis« (poemoj laŭmendaj kaj nepersonaj), la volumo enhavas neniun poemon verkitan post 1925. Okazis al tiu spirito io stranga post tiu tempo, kiun li ankoraŭ ne estas preta konfesi al la mondo:

> Ĉu tiel povas mi min malsimili,
> Ke sen kompren' mi miras pri poem'
> Kiun mi kantis iam larme, sange?

Leginte *Strecita Kordo*, oni nur povas senpacience atendi la malkaŝon de lia spirita pilgrimo dum la lastaj jaroj:

> Mi fine jetu jam el la anim',
> Kiel balaston jetas la balono,
> Por flugi al pli alta regiono.

*L. N. Newell.*



*Makowski:* *Maskoj*

JAN WELZL: Tridek Jarojn en la Ora Nordo. 314 paĝoj. Tradukis kaj eldonis: Moraviaj Esperanto Pioniroj. 1931. Prezo: broŝ. P. 6.20, bind. 7.50.

Kia mistera forto pelis tiun ĉi kuriozan vagabondon de lando al lando, ĝis li trovis hejmon en sia amata »ora nordo«? Li mem nomas ĝin sopiro al la sendependa, libera vivo. Kaj sendube Welzl apartenas al la herooj de l' soleca vivo. Sed ankaŭ en sia norda hejmo li ne trovis trankvilon. Apenaŭ pasis la kelkmonata kaptiteco de l' arkta vintro, jen li jam estis survoje: li entreprenis longajn, penigajn vojaĝojn, ĉu por komerci, ĉu por ĉasadi. Certe pri tiaj homoj diris Baŭdelaire: »O le pauvre amoureux des pays chimèriques!« (Ho, la kompatinda amanto de landoj ĥimeraj!) Li sentis nesatigeblan instigon por serĉi novajn regionojn, novajn homojn, por ekkoni novajn kutimojn, morojn. Heredinte neĉiutagan komercan talenton, li uzis siajn migradojn por kreskigi sian havajon. Fine li fariĝis riĉulo; elekto je l' estreco de la Novosiberiaj insuloj kronis lian sukcesplenan vivon. Post vizito al la civilizita mondo la plenforta sesdekjarulo reiris al la nordo.

La libro enhavas detalan raporton pri la transsiberia vojaĝo de Welzl de Krasnojarsk ĝis la Novosiberiaj insuloj, pri liaj grandaj ekskursoj, pri lia komercista agado, pri la vivo kaj moroj de l' eskimoj, de la blankaj arktuloj, pri la orfebro, pri la surprizaj belecoj de la arkta mondo, de la siberiaj praarbaroj, pri aventura, danĝera vojaĝo en Alaska, sur la rivero Yukon k. t. p. La verko estas malgranda enciklopedio de la arkta vivo.

La postparolo estas eta ĉefverko. En ĝi la redaktoroj rakontas, kiel ili komencis la kompilon de la libro. Welzl, ne povante verki, rakontis en sia, el pluraj lingvoj kunmiksita, idiomo jen tiun, jen alian historieton, la redaktoroj stenografie notis kaj faris mil kaj mil klarigajn demandojn. En tiu ĉi postparolo formiĝas antaŭ ni la bonhumora, ĉarma, kelkfoje kruda, profitema, tamen ĉiam bonkora anima vizaĝo de l' heroo. Estas domaĝe, ke la kompilintoj ne konservis la freŝan stilon de tiuj ĉi spontaneaj babiladoj. Tio certe estus ankoraŭ plialtiginta la valoron de la verko.

Jen ekzemplo pri la ĉarma naiveco de la rakonto. Welzl parolas pri »arctic bird«, kiu anoncas la printempon al la frostaj, malĝojaj vintraj pejzaĝoj de l' Nordo: »Ĉi tiu stranga birdo flugas ĉiam tute sola, neniam en aroj. Ĝi flugas tre alte kaj kviete, estante lumigita de la suno, kvankam ni malsupre ne havas ankoraŭ la sunon. Tiel ni vidas la unuajn radiojn de la printempa suno sur la flugiloj de ĉi tiu birdo, kiu klare lumas en nian krepuskon. La indiĝenoj kondutas kvazaŭ frenezuloj, kiam la brilanta birdo moviĝas sur la malhela firmamento. Ili konsideras ĝin la plej granda dio, kiu ekzistas en la nordo, ĉar ĝi alportas la sunon. Kaj efektive, kiam ĝi revenas, post kelkaj tagoj la suno brilas jam sur la firmamento kaj ni maljunaj harditaj barbuloj starante senlaŭte sur loko rigardas post ĝi, dum ĝi ne malaperas, kaj ni komprenas la Eskimojn, kiuj ĝojkriante etendas manojn al ĝi. Neniam mi vidis ĉi tiun birdon proksime kaj mi dubas, ke oni trovus homon, kiu kuraĝus mortpafi ĉi tiun heroldon de la suno. Mi ne volas eĉ pripensi, kio okazus al tiu, kiu mortigus ĝin.«

La Esp-a stilo de l' libro estas facila, simpla. Tamen kelkfoje la leganto trovas kelkajn rigidajn, mallertajn esprimojn. (Ekzemple: »kio tio«, »ĉie tie«, »kromordinara« anstataŭ »eksterordinara«, k. t. p.) Anstatŭ »plena da« oni devas uzi »plena de«, aŭ »plena je«. Ne mankas ankaŭ kelkaj pekoj kontraŭ la gramatiko; oni trovas: »ĝis ĉi tien«, »tra ĉi tiun dezerton«. Anstataŭ la ĝusta »kronometro« oni legas »hronometro«-n. Anstataŭ »fuĝi« estas uzata »fugi«. Kiam ĉesos la anarkio rilate al la uzo de tiu ĉi verbo? La libro enhavas kelkajn neologismojn, bedaŭrinde ili ne estas klarigitaj. Stranga kaj nepre malaprobinda (ĉar tute ne kutima) estas la perapostrofa disigo de la kunmetitaj vortoj. Kial ne uzi la kutiman dividsignon?

Resume: nia literaturo riĉiĝis per tre interesa, instrua verko, kiun oni legas kvazaŭ sensacian romanon.

*Ludoviko Totsche*

KALOCSAY: LINGVO STILO FORMO 144 paĝoj. Formato 13.5×20 cm. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. Prezo: broŝurita oraj pengoj 3.40; bindita oraj pengoj 5.40. Aldonu 10% por sendkostoj.

Se mi volus detale priparoli ĉi tiun verkon, mi devus skribi libron minimume trioble pli dikan! Kaj sendube: mia libro ne havus eĉ la trionan valoron! Vere konsterna estas la riĉeco je klarigoj, analizoj de ĉi tiu libro, kiun verkis samideano lingve klera, stile lerta. Sed pli: K. amas nian E-on! Nur tia homo simile profundiĝas en la sorĉaj mirakloj de ĝi.

K. estas absolute prava dirante, ke uzanto de nia lingvo tute ne konscias, kiajn malfacilajn vojojn li iradas. En ĉi tiu fakto mi vidas manifestiĝon de la genieco de Zamenhof. K. iom konsciigas la malfacilajojn, kiujn genie kaj — mi riskas diri: — nekonscie Z. superis! Pro tio ankaŭ ne necesas, ke oni lernu parkere ĉiujn regulojn kaj analizmetodojn, prezentatajn de K: oni daŭrigu uzi nian lingvon, t. e. nekonscie apliki la regulojn. Eble iu konkludas: nu, se tiel statas la afero, la tuta libro de K. estas superflua! Neniu diro estus pli malsaĝa ol tiu. E estas vera lingvo, vivanta kaj viva lingvo, kiun uzas vivantaj homoj. Tia lingvo devas esti esplorata, ekzamenata per ĉiuj helpiloj de lingvoscienco laŭ ĉiu rilato; nur tiel evidentiĝas ĝia lingva konsisto. K. plenumas grandan parton de tia esplorado, traktante E-an vortfaradon, evoluon de nia poezia lingvo, la E-an rimon, la prononcadon laŭ sonoj, akcento kaj ritmo; krome K. respondas kelkajn lingvajn demandojn.

Malgravas, ke mi ne povas konsenti kun ĉiu diro de K.; sed gravas, ke la trastudo de tia libro plivastigas la scion pri E, konsciigas kvazaŭan lingvo-maŝinaron. Speciale interesaj — laŭ mia opinio — estas la ĉapitroj pri sufiksoj; evidentiĝas el ili, kiel malĝuste ili estas uzataj tre ofte; mi citas nur du ekzemplojn: bela aĵo (meblo) ne estas identa je belaĵo (regiono); sprita aĵo (maŝino) ne estas spritaĵo (ŝerco). K. diras: «La adjektiva formo signifas, ke ia aĵo havas ian okazan kvaliton, dum la aĵokunmeto signifas la senseblan manifestiĝon de la respektiva kvalito.«

Rilate al la vortteorio K. adaptiĝas al tiu de Saussure, kompletigita de Eugen Wüster; jen teorio, kiu nuntempe estas aprobata de preskaŭ ĉiuj kompetentuloj; unu el ĝiaj ĉefaj trajtoj estas: la vortradikoj havas difinitan gramatikan karakteron, kiun montras la Fundamenta Vortaro per la aldono de la gramatikaj finaĵoj o-, -a, -i, krom ekzistas radikoj senkarakteraj: prepozicioj, konjunkcioj ktp. Al ĉi tiu teorio kontraŭas la alia, laŭ kiu la vortradikoj ricevas sian gramatikan karakteron per la gramatikaj finaĵoj; la radikoj mem ne havas gramatikan karakteron, ili estas gramatike indiferentaj.

Mi ne povas konsenti kun la senrezerva aprobo de K. rilate al la poezia lingvo de Grabowski en »Sinjoro Tadeo«. Ankaŭ la poezia lingvo ne rajtas detrui la klarecon; ekzemple la esprimo »prenu min file« ne estas sufiĉe klara, ŝajnas al mi: ĉu »file prenu min«, t. e. »prenu min kiel prenas filo — la patron«, ĉu »prenu min kiel prenas patro — la filon«? G. volas diri »prenu min kiel filon«, »prenu min filo«.

Tre liberema K. montriĝas rilate al rimoj. Estas afero de l' gusto, ĉu oni volas permesi jenajn »rimojn«: nuko-jugo, fremda-penta, korpo-sorbo, kadro-patro, montri-tondri; K. nomas tiajn rimojn parencrimoj kaj diras: »la uzado de parencrimoj ne estas tiel mekanika afero, kiel la uzado de rimoj puraj; ĝi donas al la poeto abundan

# MIA ANGUCO

**— JULIO BAGHY —**

*Vole nevole oni devas konfesi, ke la antaŭmilita movado havis pli da morala forto kaj pli da celkonscio ol la nuna. Kompreneble, ĉar la postmilita taktiko eljetis la idean bazon kiel superfluan, eĉ danĝeran balaston. Pro tio parto de la idealistoj perdis fidon kaj tiuj idealistoj, kiuj volonte aliĝus al tia kulturmovado, kia estas Esperanto, aŭdante, ke ĝi ne havas idean bazon, ne interesiĝas pri nia movado. Fakte, la idealistoj havas leonparton en la prospero de ĉiu movado. Anstataŭ la forjetita idea bazo oni prenis multe pli pezan balaston : la praktikan valoron. La malfeliĉaj praktikuloj kruele seniluziiĝas vidante, ke tiu ĉi movado bezonas oferemon kaj tre malofte kontentigas la aspirojn de la profitemo.*

*La ideo pri lingvo internacia memstare jam ne povas havi tian allogforton, kian ĝi havis antaŭe. La problemo solviĝis. Esperanto estas vivanta realaĵo kiel lingvo, sed ĝi fariĝis socia demando. La sorto de la Esperantistaro dependas de tio, kiamaniere ĝi povos trovi sian lokon en la socia evoluo. Esperanto, la lingvo, jam plurfoje pruvis sian vivkapablecon, nur ĝiaj adeptoj, la popolo, serĉas liberiĝon el tiu ĥaoso de ideoj, kiu karakterizas la postmilitan tempon. Ĝuste tiu ĉi vojserĉado, la sopiro al memstara kulturvivo, la batalema kritiko, la kunpuŝiĝoj de diversaj opinioj kaj specialiĝoj de diversaj fakoj montras, ke la Esperantistaro disponas pri la necesaj volo kaj energio por liberiĝi el la sklaveco de la ĥaoso, por alporti tiun miraklon, kiun la revemuloj vane atendas de ekstermovadoj milionuloj.*

*La plena prospero dependas de tio, kiamaniere kaj kiagrade estas uzataj la propraj fortoj de la Esperantistaro, kiu havas ĉion necesan por memstare direkti sian sorton. Nun sole la neorganiziteco, pli ĝuste esprimite la elmodiĝinta konstitucio malhelpas ĝian evoluon. La Esperantistaro estas popolo, kies teritorion formas la tuta mondo kaj kies nobla aspiro estas : fariĝi necesa vivelemento en la socia vivo de la homaro. La Esperantistaro ne havas imperialistajn revojn, sed ĝi volas fariĝi respektata servanto de la internaciaj interesoj. La Esperantistaro estas popolo, kiu kun lojala respekto al la naciaj kulturhumoj neniam povos forgesi pri tio, ke la nutrosukon ĝi ricevas el tiuj humoj por produkti kaj redoni novajn valorojn al la grandaj komunumoj, vivantaj en naciaj unuecoj. La celo de la Esperantistaro jam delonge estas : krei tian kulturon, en kiu ĉiu popolo retrovas sian egalrajtecon kaj per tiu nova kulturo akceli la reciprokan estimon inter la nacioj. Nian agadmanieron devas karakterizi do : konservatismo en la gardado de la ekzistantaj naciaj valoroj kaj liberalisma progresemo al la celoj de la homa solidareco. En tiaj celo kaj agadmaniero oni facile retrovas tiun idean bazon, kiun povas akcepti ĉiu kulturhomo, kies animo bezonas plian enhavon por kontentigi lian laboremon.*

*Tre bedaŭrinde, ke ĉio ĉi ne respeguliĝas sufiĉe klare en la gvidado de la movado. Oni neglektas la gravan problemon de la kvanto kaj kvalito. Oni malzorgas pri la evoluo de la internaj fortoj kaj okazas simpla administrado sen iniciato. Anstataŭ demokratia disciplino regas la burokratigo de la movado, kiu iom post iom kondukos nian aferon al interna disfalo kaj ekstera sensignifiĝo. Kial ? Ĉar la nuna organizo ne donas eblecojn por forigo de malkontenteco, nek por plua kaj sana plifortiĝo de la movado. Niaj eminentuloj kaj talentaj gvidantoj vane streĉas ĉiun forton, ĉar sen demokratia reorganizado kaj sen serioza konsiderado de la internaj problemoj kaj sen kontentigo de la kulturbezonoj la esperantistoj neniam konsciiĝos pri sia graveco kaj la ekstermovadaj medioj rigardos la movadon kiel naivaĵon de infananima amaso. Ni ne bezonas tian neŭtralecon, en kiu la fermentado de subpremitaj ideoj, malzorgitaj problemoj danĝerigas la sukcesojn de jardekaj laboroj aŭ ŝtonigas ĉiun progresemon.*

*La nunjara kongreso en Krakovo (ne al la aranĝado mi aludas !) dolore montris la mankojn de la kontrakto, farita en Helsinki kaj la senprograman surseliĝon de la burokratismo. Pli bone havi nenian organizon ol tian, en kiu ĉiujare plidensiĝas la atmosfero de antagonismoj. Ankoraŭ unu tia kongreso kaj nia movado dronos en la senprogrameco, dissplitiĝos.*

*Ni bezonas plenan reorganizadon laŭ principoj, kiuj obligas racian kaj demokratian disvolviĝon de ĉiuj moralaj fortoj, troviĝantaj en la movado kaj ni bezonas tian movadon, kiu estu konsiderata kiel necesa vivelemento por la socia evoluo de la homaro.*

---

okazon, montri sian lerton kaj guston ankaŭ ĉi-rilate ; ĝi estas vere la »altà skolo« de rimado«. Tiaj »rimoj« ŝajnas al mi esti nuraj »asonancoj«. Nia lingvo ja estas malriĉa je puraj rimoj. Sed komparu mian rakont-poemon »Kastel Pizzighettone« en Esperanto-Praktiko, n-ro 7/1929.. En ĝi troviĝas 94 rimparoj, el kiuj 1 ripetiĝas pro specialaj kaŭzoj kvar fojojn, sekve ekzistas 91 diversaj rimparoj. ĉiuj puraj ! Trudiĝas — laŭ K. — la neceso, plimultigi la rimeblojn. Sed ekestas ankaŭ la demando, ĉu rimoj estas nepre necesaj por E-poemoj, aŭ ĉu nia lingvo pli multe harmonias kun alia poemformo. Nek la latina nek la greka lingvoj konis rimojn ! Eble plensono kaj ritmo povas anstataŭi ilin, eble aliteracio, kiujn K. tiel majstre sonigis en Helsinki ! Mi ne respondos la demandojn, ĉar — mi ne estas poeto.

Plene mi konsentas kun K., ke absolute unueca Esperanta elparolo estas apenaŭ ebla. Mi eĉ diras : tia elparolo (prononcado) estas absolute neebla ; ĝi estas ankaŭ ne ebla en kiu ajn nacia lingvo, ĉar ĝi estas kontraŭnatura. La homoj interdiferencas, same iliaj parol-instrumentoj ! Mi opinias, ke sufiĉas tia interadaptado en la prononco, ke la diro estas rapide kaj facile komprenebla kaj ke formiĝu agrabla lingva melodio. Mi diras en »mia« mallongan i, kontraŭe en »krii« longan i, ambaŭ kun sonakcento ; mi klopodas, por ambaŭ vortoj laŭtigi agrablan sonadon, dirante nek tro longan, nek tro mallongan i-sonon. Ankaŭ nia E havas sian melodion !

El la lingvaj respondoj mi tuŝas jenon : Certe, la ĝusta uzo de l'difina artikolo »la« kaŭzas kapdolorojn al personoj, en kies gepatra lingvo tia artikolo ne ekzistas. Sed — ĉu vere oni devas diri : *la* miksita oro estas pli malkara ; *la* sincera amo estas granda trezoro ; *la* ofta drinko ruinigas ? — Mi ne rekomendas la uzon de »ia« kaj »nenia« kiel nedifinaj artikoloj : »ia lingvo« ne estas kiu ajn lingvo, sed iu speco de lingvo. — »Kvazaŭ« estas adverbo, uzata ankaŭ kiel konjunkcio ; sekve ĝi ne estas uzebla antaŭ substantivo ; pli bona frazo ol »li estis kvazaŭ ombro« estas »li estis kiel ombro«, »li similas al ombro«, »li estis kvazaŭa ombro« ; sed ankaŭ la unue citita frazo ja estas klara, ĉar »li kvazaŭ estis ombro«. — Laŭ mia opinio »konjunktivo« en E ne ekzistas ; la imperativo ne anstataŭas ĝin. Post »por ke« ni ne uzas la u-verbformon, ĉar la konjunkcio »por ke« postulas ĝin kiel konjunktivon, sed ĉar la senco ĝin necesigas : »mi venis, por ke vi diru al mi . . . « ; »mi venis ; nun diru al mi . . . «. En subordigitaj frazoj ni uzas tiun verbformon, kiun ni uzus laŭ la senco, se la subordita frazo estus ĉefa frazo. — Tre konsiderinda estas la regulo, kiun K. prezentas pri la formo de virinaj nomoj, nepre aprobinda la konsilo, ke oni evitu »kunmetitajn« verbformojn. En Esperanto-Praktiko, n-ro 7-11/1929, mi mem detale traktis ĉi tiun temon ; mi ne uzas la esprimon »kunmetitaj verbformoj«, sed parolas pri »ne-simplaj« formoj, ĉar »kunmetitaj« estas ankaŭ la »simplaj« formoj !

Kaj fine K. prezentas al ni ekzemplon el la »mezepoka Esperanto« ! Mi malkaŝos sekreton kiel dankon al K. pro lia bonega verko : mi trovis eĉ la »antaŭhistorian Esperanton«, kiu estas strange identa al nia hodiaŭa lingvo : legu la Biblion ! Ĉu vere, ke oni ĉiam revenas al sia unua amo ? — t. e. al nia unua belsona, riĉa, mirakla lingvo, kiun majtre regas Kalocsay, la E-lingvisto, -verkisto, -poeto !

ANALIZA HISTORIO DE LA ESPERANTA MOVADO. de E. Drezen. Eldono de »Ekrelo«. Leipzig. 1931. 96 paĝoj. Prezo P. 2.70

La aŭtoro celis verki en ĉi tiu analiza historio de la Esp. Movado historion kun certa sociala enhavo, precipe celante malkovri la movfortojn, kiuj influis kaj direktis nian movadon. Do, ĝi ne estas kompleta historio de ĉiuj gravaj kaj negravaj okazintaĵoj, nur preciza scienca observado kaj analizado de tiuj individuaj, kolektivaj, aŭ ideaj movfortoj, kiuj kreskigis kaj evoluigis la Esp. movadon kaj ne lasis ĝin disfali en stagnaj aŭ krizaj periodoj.

Tiu ĉi historia verko estas esence diferenca de la similaj historiaj verkoj, kiuj kontentiĝas je la fidela priskribo, mencio kaj raporto de la faktoj. Tiu ĉi estas kritika verko, kiu analizas la Esp. movadon ne kiel apartan movadon, sed kune kun la aliaj sociaj movadoj kaj malkovras la interrilatojn kun la nuntempa sociordo, mondmilito, kaj postmilitaj novaj socialaj tendencoj.

Mi legis jam kelkajn historiajn verkojn pri nia movado, mi opiniis, ke mi bone konas nian historion kaj nun, leginte ĉi tiun verkon mi vidas, ke multaj gravaj okazintaĵoj restis ĝis nun nekonataj al mi.

Ekzemple la ĝisnunaj historiaj verkoj tute ne menciis aŭ nur tre supraĵe tuŝis la gravajn personajn konfliktojn inter la gvidantoj de la Esp. movado, malgraŭ, ke ĉi tiuj bataloj havis ofte decidigan influon por la movado. (Ekzemple la franca periodo !)

Aŭ kiu sciis, ke Trompeter, la »Mecenato de Esperanto«, vidante la malrapidan progreson de la movado, en 1893 perforte devigis Zamenhof okupi sin pri preparo de diversaj reformoj en la lingo. Li minacis Zamenhof ĉesigi la eldonon de la tiutempa sola Esp. gazeto (kiun li subvenciis), se Zamenhof ne proponos radikalajn reformojn en la lingvo. Feliĉe, la esperantistaro kontaŭbatalis la reformojn.

Tre interesa kaj katakteriza estis en la franca periodo la rivaladoj inter la »grandkapuloj« kaj inter la Esp. libroeldonejoj, celinte monopoligi la Esp. movadon. Akra rivaleco estis inter Beaufront kaj Carlo Bourlet kaj inter la firmao Hachette kaj la Presa Espista Societo. Tiu ĉi rivaleco daŭris eĉ post la mondmilito, kiam en Germanio rivalis unu kun la alia la grandaj Esp. eldonejoj.

Ni vidas la bataladon inter la aŭtokrataj kaj demokrataj tendencoj, la diskutojn pri diversaj organizaj problemoj, ni komprenas, kial abdikis Zamenhof en 1912 pri ĉiu oficiala rolo, ni vidas la rapidan kreskon de U. E. A., la gravajn rolojn de Hector Hodler kaj Edmond Privat, la kreskon de la laborista movado kaj de S. A. T., poste ĝian dissplitiĝon, ktp.

Ni vidas la idealistan Zamenhof, persiste batalante por la unueco de la espistaro. Li ĉiam severe gardis la unuecon kaj volis ĝin nepre konservi (eĉ per eventualaj reformoj ! kiel ni vidas ĝin el la pritraktoj kun la komitato de la Delegitaro pri la Ido-reformo).

La ĉefa merito de ĉi tiu analiza historio estas tio, ke ĝi helpas klare kompreni la kialojn, intencojn, motivojn de la okazaĵoj, do ilian esencon.

Mi legis kun granda intereso la verkon, ĉar ĝi donas efektive interesan bildon pri nia movado kaj multajn surprizajn detalojn, nekonatajn aferojn.

La stilo ĝenerale estas bona kaj konciza, nur kelkfoje koloras kelkaj rusismoj ĝene la tekston (»favora por Esp. decido« kaj similaj).

Mi rekomendas ĉi tiun historion al ĉiu, kiu interesiĝas pri la socia rolo kaj sociala perspektivo de nia movado, eĉ, se li ĝis nun opiniis — kiel mi mem — bone koni la Esp. movadon. *Parvus Piscis*

RIMPORTRETOJ. K. KALOCSAY. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 128 pĝ. 11×14 cm. Kun dukolora kovrilpaĝo, 57 portretoj, sur luksa papero. Prezo : broŝ. o. pengoj 3.40 ; bind. o. pengoj 5.— Aldonu 10% per sendkostoj.

La profunda romantiko en la homa naturo konstante montras sin per nia sinteno al la personoj kiuj elstaras en nia socio. Estas egale, ĉu la kampo estas politika, literatura, eĉ krima: kiu el ni ne havas intereson, eĉ fieron, se li havas iun ligeton, iun rememoron, al homo kiun oni biografas, gazetparagrafas, fotografas, pridiskutas ? Tuta nia racio povas diri al ni, ke ekster siaj publikaj faroj, tiuj famuloj estas neniel pli interesaj ol niaj ĉiutagaj konatoj ; tuta nia temperamento tamen volas kredi, ke politikistoj, verkistoj, kaj sportĉampionoj estas iel pli konindaj, eĉ pli simpatiaj, ol la enloĝantoj de nia propra strato.

Eble nia temperamento pli sagacas ol nia racio ; ĉiuokaze, nia emo restas. Kaj ankaŭ en nia Esperantomovado, kial ni ne havu la saman plezuron, legi kaj babili pri la homecaj flankoj de niaj plej bone konataj gvidantoj, vortaristoj kaj verkistoj ?

Poeto Kalocsay nun donis al ni plej bonan eblecon, per libreto enhavanta kvindekon da rimportretoj, kune kun fotoj, pri tiuj, kies nomojn ni legas konstante, kies figurojn ni vidas sur la estradoj de niaj kongresoj. Per spritaj versoj kaj klaraj bildoj prezentiĝas Baghy, Kreuz, Teo Jung, Grenkamp, Lajos Totsche, L. N. Newell. Kara genitradukanto Bodó troviĝas, kun vizaĝo multe pli serioza ol en la ĉiutaga vivo. Pike la poeto priskribas por ni pastron Ramboux, simpatie li siblas pri sinjorino Blaise. Trafe li desegnas portretojn de Lanti, Seppik, kaj familianoj Zamenhof. El unu paĝo Waringhien rigardas nin kun aspekto de filmherostelo, el alia sinjoro Raymond Schwartz ridas al ni kvazaŭ li ĵus rakontus tian spritaĵon, kian oni ne ripetas al virgulina onklino. Morariu estas lerte »kaptita« por estontaj generacioj, la granda laboro de sinjorino Isbrücker estas kronikita per subtilaj vortoj.

Jen, do, en eta libro, troviĝas regalo por ni ĉiuj. Mi mem metos la volumon sur mian bretaron kun la intenco ofte per ĝi refreŝigi la memoron pri multaj geamikoj, kaj ofte priridi la rimportreton pri mi mem, memorante, ke inter la multaj aferoj de mi timataj, troviĝas certe la tamen bonkora plumo de mia amiko Kalocsay.

*K. R. C. Sturmer.*

PRINTEMPO EN LA AUTUNO. de *Julio Baghy.* Eldonejo Heroldo de Esperanto, Köln. Formato 13.5×20 cm. 114 paĝa. Ilustrita. Prezo : P. 3.—

Mi ne estas el tiuj, kiuj kredas, ke la Vero kaj la Belo samas. Fakte, mi ne kredas, ke Vero ekzistas, kaj se mi kredus ĝin ekzistanta, mi supozus ĝin esti tiom terure naŭza, kiom la ŝirmita Mokano en tiu pripersa poemo de Thomas Moore. Ankaŭ en la Literaturo, kiel en la Vivo.

Kiel ĉiu, tamen, mi akceptas ian ĉiutagecan kriterion pri vero, kaj laŭ tiu kriterio juĝis, en mia anglalingva libreto pri nia literaturo, la verkon de Stellan Engholm, *Al Torento*, esti la plej bela prozaĵo en nia ĝisnuna aro da originaloj. Ĝi ŝajnis kaj vera kaj bela laŭ miaj anglaj sento kaj kompreno pri amafero de junulo.

Kaj nun ankaŭ Baghy verkis amnovelon, kaj mi ne intencas kompari ĝin kun tiu de la nordano ; mi simple suprenmetos ĝin sur la saman breton de mia libroŝranko. En tiu ĉi rakonto pri studento kaj knabino en cirko Baghy atentis nenian kriterion pri vero, ĉu mondeca, ĉu filozofia. Nur li provis krei belon, kaj por mi li ja sukcesis.

La aferon oni ne povas diskuti. Mi esperas, ke kiel por unu Londona junulo, ankaŭ por multaj miloj en ĉiu lando li sukcesis. La leganto forlasu ĉiun antaŭjuĝon pri verŝajneco de evento kaj parolo, li donu sin plene al la poezia ekstazigo de la poeto. Li trovos, ke li ricevis kortuŝan vizion pri belo, vizion eble ankaŭ iom melankolian ; ĉar la doloro kiun enhavas ĉiu belo, venas kredeble el ia vero.

La nova verko de Baghy estas rea pruvo pri lia genieco. *K. R. C. Sturmer.*

INSULO DE FELIĈULOJ de A. Strindberg. El la svelda: Oskar Frode. Eldono: Ferdinand Hirt kaj Sohn en Leipzig 1926. Internacia Mondliteraturo. Volumo 17. 69 paĝoj. Prezo: P. 2.40.

Tiu ĉi en eksterlando malmulte konata verko de Strindberg estas satira skribo. Svedaj krimuloj survoje al Ameriko havas ŝipkatastrofon kaj ili rifuĝas al iu belega, tropika insulo, kiu estas tre fekunda kaj kie ili vivas longtempe senzorge, senlabore, kvazaŭ en la Paradizo. La naturo per ĉio necesa abunde provizas ilin. Sed foje ŝanĝiĝas la situacio. La insulo estas vulkana kaj foje malaperas en la maro. La homoj sukcesas savi nur sian vivon. Ili nun alvenas al nova insulo malpli favora, kie ili devas suferi multe pro la malvarmo kaj malsato, timi de la sovaĝaj bestoj ktp. Komenciĝas la tagoj de la zorgo kaj laboro. La laboron oni devas dividi, unuj ĉasas, aliaj kuiras. Iu fajron sukcesas fari, mito naskiĝas, ceremonioj estas aranĝataj, kelkaj ruzuloj senlabore volas vivi, venas la bestbredado, terkulturado, apartaj kastoj estiĝas, kaj ni jam estas ĉe la privatposedajo kaj en la mezmezo de la homa historio. Jen, la kerno de la romano. La verko tre trafe priskribas, ke la homaro kiel adoptiĝas — volenevole — al la ĝin ĉirkaŭanta medio. La traduko estas bonega. Ĝi sukcesis plene redoni la »leonajn ungojn« de la strindberga stilo.

*Parvus Piscis*

SALOM ALEJHEM: ĈE DOKTORO. Monologo. El la hebrea lingvo: *Josef Rabinovic-Tajc.* 1931. Jerusalemo, Erec-Izrael, Palestino.

La monologo de la multparola paciento estas tre bonhumora kaj vigla, la traduko estas tre bona. Sed la tuta »verko« ampleksas entute 12 paĝojn. Ĉu estas inde eldoni tiajn »volumojn«. Cetere la aspekto de la broŝureto estas plaĉa. *Kr.*

## REDAKCIA ANGULO

N. DEVJATNIN ĉiloke dankas kore ĉiujn siajn kamaradojn kaj kolegojn, kiuj lin salutis okaze de lia jubileo. L. M. estas feliĉa, ke ĝi povis akceli la sukceson de ĉi tiu bela kaj malofta festo.

EDWARD WIESENFELD estu ĝoje kaj ĝojkrie salutata kaj gratulata okaze de sia edziĝo. Vivu, prosperu, feliĉu la nova, kara paro.

NEOLOGISMOJ. Laŭ interkonsento en la kongresa kunveno de L. M. de nun, en la artikoloj ne pure artaj, ni evitos vortojn netroveblajn en la SAT-Vortaro. Kompreneble, en pure artismaj artikoloj ni devas respekti la preferon de la verkisto. Ĉi tiun *devon* ni rigardas nepridiskutebla.

DISKUTOJ (Elparolo, Lici-Darfi) devis resti pro lokmanko por la sekva numero. Same: nia FILMRUBRIKO.

*Abonantoj en Debreczen.* Leginte vian leteron, ni deziras peti vian afablan atenton, ke ĉe literatura gazeto la enhavo kaj ne la plaĉo aŭ malplaĉo de la ekstera bildo estas la grava. Kredu, ke malfacile estas kontentigi ĉiujn niajn abonantojn. Vi estas pasiaj malamantoj de la ekspresionisma arto kaj ni havas multajn abonantojn, kiuj ĝojegas pro tiu bildo. (Ni spertis tion en Krakovo per propraj oreloj.) Ni do deziras esti tute senpartiaj kaj pro tio en la oktobra numero ni represos planojn de kovrilpaĝoj por 1932. kaj petos baloton. Ni nur tion petas de vi, ke vi jam anticipe bonvolu vin submeti al la decido de la plimulto, eĉ se ĝi ne favorus vian opinion. Ni esperas tion, ĉar ni agos laŭ via deziro. *Red.*

*S-ro Hartog kaj aliaj.* Niaj planoj komence estis doni senpage la lastan volumon de niaj eldonaĵoj al tiuj samideanoj, kiuj *aĉetas ĉiujn eldonaĵojn* niajn dum 1931. kaj ne nur abonas la gazeton. Tiun planon ni poste ŝanĝis, sed la reklamo erare aperis en kelkaj gazetoj. Ni do petas vian pardonon. Tamen, *neniel* ni intencis donaci romanon al simplaj abonantoj, de vi eĉ tiel erare postulas... Adm.

*S-ro Fehr. Germ.* Via artikolo pri »Ideografia Vortaro« tre taŭgus por pura filologia gazeto, sed nia tereno estas sufiĉe malproksime de ĝi.

*Sendintoj de kunlaboraĵoj* bonvolu atenti nian sciigon pri la sorto de iliaj manuskriptoj en la sekvonta numero.

*S-ro Pärnänen. Sulkava.* Via mendo estis sendita rekte al la eldonejo la komencon de augusto. Espereble vi jam ricevis ĝin.

*N. D. N. Bulgarujo (Respondo de nia grafologo)* Homo iniciatema, klopodanta ĉiam je simpleco, kun verkista talento kaj originalaj ideoj. Memstara prijuĝo. Sato al surprizo, al nekompreneblo. Sprita. Utopiisto, tro Kolektanto. Konscia pri sia valoro, kvieta. Celscia, gaja kaj serena homo.

## ANONCETOJ

Prezo po unu enpreso kaj dek vortoj 70 fileroj (50 pfenigoj) aŭ egalvaloro. Minimumo estas 20 vortoj. Pagebla ankaŭ al niaj reprezentantoj.

*La uzanto de ĉi tiu rubriko havas la nepran devon respondi almenaŭ unufoje al la korespondaĵoj, alvenintaj al li laŭ la anoncita temo ! !*


JEAN FORGE
Mr. Tot
aĉetas mil okulojn

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István.